## TRAGEDIO EN LA UNIVERSO

La libron »TRAGEDIO EN LA UNIVERSO« verkis la grupo de junaj astronomoj-esperantistoj ĉe la »verdstela« Observatorio en Zagreb.

Ekverkinte la libron pri la kosma sorto de nia planedo en okazo de la minacoplena kaj eksterma hidrogenmilito, la junaj astronomoj tute ne estis esperantistoj. Sed, kuntrenitaj de la enlibra ideo pri la elsavo de la homaro, la junaj aŭtoroj neeviteble rekontiĝis kun la problemo kaj bezono pri la internacia lingvo.

La rezulto — *ĉiuj junaj astronomoj esperantistiĝis!*

Ĉi-surpriza fakto estas tamen pli logika ol miriga: nia Tero, kiel planedo, estas nur ja eteta polvero en la senfina Kosmo. Al kiu do, se ne al la astronomoj, estu pli sensenca la absurdo ke sur nia planedeto ekzistas cento da antagonismaj ŝtatoj kaj 3000 lingvoj!

*

La libro de junaj astronomoj-esperantistoj, la »TRAGEDIO EN LA UNIVERSO«, vekis sensacian interesiĝon: kvankam eldonita en trioble pli granda preskvanto ol estas kutima en Jugoslavio — la libro estis tute disvendita jam unu monaton post ĝia apero!

Dank' al granda intereso kaj varma apogo de la esperantistaro el multaj landoj la »TRAGEDIO EN LA UNIVERSO« vaste diskoniĝis en la tuta mondo. La junaj esperantistoj-verkintoj ricevis la flatajn proponojn el multnombraj landoj ke ilia fama libro estu tradukita en 21 lingvojn: angla, franca, germana, rusa, pola, hispana, portugala, japana, litova, estona, islanda, ktp., ktp.

Tioma konfido de la tutmonda esperantistaro ne povis resti sen la reeĥo en la koroj de la junaj astronomoj esperantistoj: kortuŝitaj kaj instigitaj per la tutkora apogo de la mondesperantismo, la junaj ĉielesplorantoj dediĉis sin lavango-impete al propagando de nia kara Esperanto!

LA JUNAJ ASTRONOMOJ-ESPERANTISTOJ:

# TRAGEDIO EN LA UNIVERSO

El la originala manuskripto esperantigis

IVO ROTKVIČ

ZAGREB 1961



La kerno de la ĉeobservatoria Esperanto-taĉmento: la astronoma junulargrupo de la iniciantintoj de la libro »Tragedio en la Universo« fotografita ĉe la Observatorio kiam ĝin vizitis la konata esperantisto kaj pac-batalanto EIZO ITOO el Japanujo.

Al vi,

ho niaj junaj geamikoj el Hiroŝima
kaj Nagasaki, kies ekburĝona viv-
printempo kruele forfajris dum la
infera disfuriozo el la atoma mon-
straĵo,

estu dediĉita tiu ĉi libro!

Via senkulpa morto brulstampis
sur la konsciencon de la tuta
mondo eternan akuzon pri la
malhumana misuzo de scienco
kaj ĝiaj konkeroj.

La aŭtoroj.

原子の怪物によって行われた地獄的大虐殺に当り
あたら青春の蕾を散らされた広島、長崎の
若き友らに この書を捧げます

諸君の罪なき死が、科学とその成果の
非人道的悪用について世界の良心に
永遠無期の刑の宣告を焼きつけたのです

## ANSTATAŬ LA ANTAŬPAROLO

*Al la lernantino*

*KUNIKO KAMBARA,*

*Otaku, TOKYO*
*3-444 Denenchofu,*
*Japanujo*

*Kara amikino Kuniko,*

*Profunde nin kortuŝis via letero — la letero, kiu elmontris la entuziasmon pri la jugoslava filmo la »Valo de paco« kaj la deziron koresponde konatiĝi kun la junaj jugoslavoj, amantaj la pacon, kio signifas: la feliĉon kaj ĝojplenan vivon de ĉiu homo. Via deziro, ke ni kunkune serĉu la »Valon de paco« estas la sama al tiu, fontanta el la fundo de nia animo. Jes ja, ĝi estas la deziro kaj sopiro de hom-milionoj en la mondo.*

*Ni plene komprenas vian zorgemon pri la sorto de la mondo en ĉi tiuj fatalaj momentoj de la homa historio. Estas ili la momentoj trasorbitaj de la timobsedo pro la hidrogena monstraĵo, disstreĉinta siajn mortminacajn flugilojn super niajn vivojn kaj la vivojn de ĉiuj homoj.*

*Jen kial ni, la junaj jugoslavoj, dankas vin pro la amika letero. Per ĝi, kun granda ĝojo, ni konstatis tion,*

*pri kio, cetere, ni estis profunde konvinkitaj — ke en via patrolando ekzistas multaj homoj, kies korojn inspiras la paco kaj feliĉo homaraj. Tial ni povas certigi vin, ke la junularo kaj ĉiuj pacemaj homoj el via patrolando trovos en nia lando multajn, multajn amikojn.*

*Pristudante la Universon ni longe meditis, kion ja povus ni, la junaj entuziasmuloj pri scienco, konkrete kontribui al la afero de la mondpaco.*

*Ni decidis verki libron. Kaj ni ĝin verkis. En tiu ĉi libro, unue, ni priskribis universajn fenomenojn: la strukturon kaj evoluon de la Universo kaj fine — la rolon kaj sorton de nia planedo Tero — en la senfino kaj eterno de la Universo. Ni priskribis, ke nenia kosma potenco detrue ekminacis al la ekzisto de nia planedo kun la raciaj estaĵoj, aperintaj sur ĝi kaj al kies supreniro, kreemo kaj feliĉo la Universo proponas titanajn perspektivojn de la Senfino kaj Senlimo.*

*Kaj la homo, ĵuse, forrabis de la Universo la sekreton pri la transformo de hidrogeno en helion, kreante teruregan detruan armilon — la hidrogen-bombon! Nu, kion faris neniu el la kosmaj potencoj, nun kapablas fari la homo. La homo kapablas neniigi sin mem, sian feliĉon kaj la feliĉon de ĉiuj estontaj generacioj.*

*Kion ja oni povas nun fari kontraŭ tio?*

*Veki la konsciencon de la mondo!*

*Jen, tio estas la misio ankaŭ de la libro, kiun verkis ni, la junaj astronomoj-amatoroj ĉe la Zagreba »verdstela« observatorio.*

*Ĉe la fino de la libro ni alvokas la junularon, la patrinojn kaj patrojn, ĉiujn bonajn kaj prudentajn homojn*

*en la mondo por rekonsciiĝi. Ektondru tra la mondo la konkorda voĉo de milionoj da homestaĵoj! La konkorda volo de la tuta mondo elfortiĝos en nerezisteblan potencon, efikan por tordrompi kolon de la fatala hidrogen-drako.*

*Ne sufiĉas nur serĉi la »Valon de paco«. Ĝin oni devas konstrui, por ĝi oni devas labori!*

*Tial en nia libro ni alvokas la tutan junularon de la mondo al la aktiva kunlaboro por la mondpaco: por verki librojn, broŝurojn flugfoliojn; por varbi per radio kaj gazetoj; por verki alvokojn al la Unuiĝintaj Nacioj, parlamentoj kaj ŝtatestroj; por krei junularajn organizojn kaj sem-kunvenojn por la paco kaj kunlaboro inter la gejunuloj de la tuta mondo.*

*En la mondo — ankoraŭ ĉiam devigata timfebri pro la bruaĉemo kaj misfaroj de la plenmano da nerespondecaj homoj, nekapablaj pensi pri io alia ol la milito — devas ĉiu el ni inspirataj de la feliĉo kaj homsorto, ĉiumomente, ĉiutage kaj ĉiuokaze kontribuadi sian parton al la ĝenerala afero de paco kaj kunlaboro inter la homoj tra la tuta mondo, kies destino ja, en tiu fatala atoma epoko, iĝis por ĉiuj — nur unu sama, nedisdividebla, komuna.*

*Elverkinte la libron ni decidis dediĉi ĝin al la rememoro pri niaj karaj, junaj amikoj, neniam forgeseblaj junestaĵoj el Hiroŝima kaj Nagasaki. Iliaj senkulpaj vivoj, kiel delikataj printempaj florpetaloj, tro frue mortvelkis, falĉitaj per la nehoma alblovo el la monstra atom-drako.*

*Ni decidis tiam sendi nian libron, po unu ekzemplero, al la junularo de Hiroŝima kaj Nagasaki kiel signon de la pridoloro kaj homa solidareco kun la sentoj de niaj amikoj en Japanujo kaj en la tuta mondo.*

*Tial, kiam nia libro estos elirinta, ni ĝin sendos al vi kara amikino Kuniko. Jes tri ekzemplerojn: unu por vi persone, pro la dankemo, ke vi anoncis vin per tiel varmaj kaj intimaj vortoj. La du ceterajn, ni vin tre petas, transdonu, nianome, al la junularoj de la urboj Hiroŝima kaj Nagasaki. Kaj transdiru al ili, ke en nia patrujo Jugoslavio vivas deknaŭ milionoj da homoj, pretaj fari ĉion, laŭ sia plejeblo, por malhelpi, ke la terurega sorto de Hiroŝima kaj Nagasaki surfatalu iun ajn urbon en la mondo, iun ajn homan estaĵon — en via, kaj ankaŭ en nia komuna patrujo, la patrujo, nomata — HOMARO.*

*Responde al via demando, kion ja povas fari la infanoj por la afero de paco, ni ŝatus vin krominformi, ke kvardek el ni verkis, laŭ la menciita libro scentekston por la filmo. La filmo estas titolita »Vivi ni volas«! Ĝi rekte alrespondas vian demandon.*

*Ni esperas, ke ankaŭ tiun filmon vi povos baldaŭ rigardi en via patrujo kaj ke vi estos pri la filmo de viaj novaj, junaj konatuloj same kontenta kiel pri la filmo la »Valo de paco«.*

*Kara Kuniko,*

*Refoje ni multe vin dankas pro viaj amikaj kaj varmaj vortoj, direktitaj al ni pere de la gazeto »Borba«. Ni estas feliĉaj, ke ni trovis en tiel malproksima lando la estaĵon, kun kiu nin intime ligas samaj sentoj kaj samaj pensoj. Ni opinias, ke ankaŭ tiu ĉi korespondado kaj tiu ĉi amikeco nia estas unu el la gravaj manieroj por la konstruado de la »Valo de paco« en tiu ĉi mondo, kiun povas elsavi nur la prudento kaj la vere homecaj sentoj.*

*Ni petas vin, skribu al ni denove. Altrovu multajn gejunulojn viaj amikoj! Ili skribu ne sole al ni, sed ankaŭ al aliaj komunaj amikoj niaj tra la tuta mondo.*

*Multe vin amas viaj amikoj el la Zagreba Observatorio:*

Branka Damjanić
Petar Romer
Zoran Klobučar
Marko Kuprešanin
Jadranka Gomerčić
Dragan Miličić
Malović Stjepan
Ante Golubić
Blanka Franc
Toni Breider
Zdenka Schmidt
Stanko Vidmar
Hrvoje Kraljević
Darko Bidjin
Josip Feklić
Branka Mihelčić
Miroslav Pećnik
Ratko Raušal
Marijan Lenac
Sonja Jermanić

Ernest Mihalek
Kirigin Jerko
Branko Jelinčić
Petrinović Vesna
Gradečak Ranko
Zdenko Marković
Marijan Rušević
Ljiljana Ratar
Damir Mikulić
Neven Mlegušar
Maksim Škorin
Vesna Kološić
Mikloš Römer
Marijan Zrnak
Lugija Ivan
Vlada Mihelčić
Mustie Mihojlo
Vlatko Bjelić
Zlatko Berić
Jasmina Hadžibašćaušević

Verkisto ekverku nur, kiam li havas dirindon por la mondo.

*Maksim Gorki*

ENKONDUKO

# EKRIGARDO EN LA ETERNON

Senfinas la Universo en sia disvasto kaj eternas en sia ekzistado.

Antaŭ la homa prikono, ververe, ekspitis du universoj. Unu, la videbla, kies misterojn povas iel enkapti la potenco de la nuntempe plej gigantaj teleskopoj; la alia, la nevidebla, dissterniĝas pludistancen — en la nekonaĵon. La nekonaĵon almenaŭ portempe.

Kredeble, ke ĉi tiu nekonaĵo proksimumas senliman oceanon en kiu la konaĵo ŝajnas nur etgutero.

Nu, kio ja estas etgutero da konaĵo en la senlima oceano de la Okazado?

El la plej profundaj regionoj de la videbla Universo la lumradio bezonas 10.000,000.000 da jaroj por nin pretertuŝi kaj trasagi al la alia ekstremo de la Universo, konata al ni.

Dek miliardoj da lumjaroj! Jen la disspaco de la videbla universo — nur la etgutero da konaĵo en la oceano da nekonaĵo.

Kion fakte signifas 10.000,000.000 da lumjaroj?

La lumo estas plej rapida heroldo de la Universo. Ĝi vetflugas per 300.000 kilometroj en la sekundo, t. e. milionkvaron-oble pli rapide ol la kugloj el la plej potencaj kanonoj: la vojon de Parizo al Londono ĝi traetas en

centono de la sekundo; de la Luno ĝis la Tero ĝi alvenas en la sekundo kaj kvarono; de la Suno ĝis la Tero en 8 minutoj kaj unu triono.

El la ekstremo de la videbla Universo la lumflugo nin alĝisas post kvin miliardoj da jaroj . . .

La plej kolosa teleskopo de la mondo, atentovigle postenanta sur la monto Palomar, per sia giganta okulo observas en ĉi tiu momento la malproksimajn stelmondojn, kiuj troviĝas ajnloke ĉe la rando de la videbla Universo. El tiuj mondoj la lumradio ekvojis ankoraŭ en la pratempo, antaŭ ĉia historio. Ekvojis ĝi multe pli frue ol sur la Tero aperis eĉ la vivo mem.

Strangan universan aventuron povus al ni elrakonti la rapidflugila radio pri sia, mil-milionajn jarojn longa flugado el la stelaj urboj ĉe la rando de la videbla Universo ĝis la giganta okulo de la teleskopo sur la monto Palomar:

Ajn-ie, sur la unua parto de sia ekvojo ĝi rigardis la Teron kiel senvivan astron, senlace rondflugantan ĉirkaŭ et-era steleto, la Suno.

Pasadis longaj, nekonataj milionoj da jaroj.

La radio plu persistis al sia celo tra surdaj universaj vastaĵoj. Tiam, foje, ĝi rimarkis kiel el mukeca materio de la Tero formiĝis la unua buleto de protoplasmo sur ĉi tiu planedo.

Naskiĝis la *vivo*.

Impetante ĉiamplue al la Tero nia radio observis kiel en la sinsekvo de senfinaj jarmiloj el maraj moluskoj fariĝas unuaj vertebruloj. Posttiam ĝi vidis kiel sur la bordogrudon elrampadas unuaj reptilioj. Sciavide ĝi rigardis ankaŭ la pratempan tragedion de la gigantaj mesozoikaj reptilioj, kiuj, finfine, devis forcedi sian lokon sub la suno al la nova postidaro de nia planedo — al malgrandaj vilaj bestetoj kun la varma sango, al la mamuloj.

Kaj kiam nia radio eĉ pli proksimiĝis al la Tero, la tempomontriloj de universa horloĝo kvazaŭ nerimarkite ekrapidis: subite ĝi ekvidis kiel iu krurlerta mamulo degrimpis de la arbo kaj elstreĉis sin rekta sur la malantaŭaj piedoj. Jam momenton poste la mamulo ekluktis kontraŭ kaverno-urso kaj, en la pasiega batalo por la vivo aŭ morto, postrestis venkinto — por la loĝejo en kaverno.

Tio estis la prahomo.

Nia radio urĝeme senlacis al la celo. Ĝuste kiam ĝi enflugis en la brilhelan stelurbon de la Lakta Vojo, kaŝantan nian Sunon kun la planedeta naŭo, la radio iĝis atestanto de la gravega evento por la tuta Universo: en la interglacia epoko, post la tria glacia aĝo, el iu malluma kaverno sur nia planedo eliris neordinara, ĝis tiam nevidita estaĵo.

Sur la scenejon de la Universo elpaŝis la HOMO.

Iam poste li flatornamos sin per la bela nomo »Homo sapiens«.

Nur kelkan momenteton post ĉi tiu eksterordinara evento nia radio neatendite enfalis en la gigantan okulon de la koloso sur Mount Palomar, konsterniĝinte pri la etdaŭra aĝo de la universa homekzisto.

La universa tempo kaj la homa tempo estas kvazaŭ du mondoj. Malfacile estas kunkapti ilin en unu saman mezurilon. Niaj horloĝoj mezuras sekundojn, minutojn kaj horojn de la tera, homa tempo. Sed kiel elmezuri la universecan tempon?

Al la franca astronomo Frammarion venis originala ideo kiel ekspliki la universecan tempon per la tera mezurilo.

Ekzistas ja horloĝo en la Universo — diras Flammarion — senerare fortiktakanta la sekundojn de la Universo.

Tiu neordinara universa horloĝo estas — nia Tero mem.

La Tero, kiel astro, turniĝas ĉirkaŭ sia akso kaj samtempe balanciĝas en la universo kiel eta porinfana turbo. Sed dum la porinfana turbeto — turniĝante kaj ŝanceliĝante sur tabloglato — bezonas por unu balanceto proksimume unu sekundon, la balanceto de la Tero en la Universo daŭras plenplenajn 260 jarcentojn!

Al tiu universa epoko el 26.000 jaroj la astronomoj donis belan nomon la »Platona jaro«. Verdire, ankoraŭ ĝi estas tera tempomezuro, sed ĝi tamen povas utile servi por nia foraventuro en la universan tempon.

Provizore ni nomu la Platonan jaron la »universa sekundo« kaj aŭdace nin rempuŝu laŭ la vidsenlima marsuraĵo de universaj jarmiloj!

Forŝovu ni, anticipe, la montrilon de nia universa horloĝo iomete malantaŭen. Por la komenco sufiĉu al ni nuraj 40 universaj sekundoj.

Kiel eksterordinaras la sceno antaŭ niaj okuloj!

Antropoidaj simioj, en tropikaj praarbaroj, ĝuste komencas degrimpi sur la Teron kaj lernas paŝeti nur sur la malantaŭaj piedoj.

Sciavide ni observas tiun pratempan scenon el la pasintaĵo de nia planedo kaj, kvazaŭ forgesinte la lecionon el la naturscienco, ni demandas nin: »Nu, kio estos plue? Ĉu tiuj ĉi estaĵoj vere sukcesos ir-ekstabili dupiede?«

Anstataŭ pricerbumi la respondon — ni forŝovu la montrilon antaŭen — al dudek sekundoj antaŭ la nuntempo.

Ni alrigardu iom pli streĉe, kaj jen, ĉe rivereto apud la rando de tropika praarbaro, staras nia malnova konato el la paleontologio — *Pithecantropus Erectus,* la simio-homo el Javo.

Scivolemaj pri tio, kio okazos poste, ni forŝovas la montrilon precize al la 4-a sekundo antaŭ la hodiaŭo.

La ekvidata sceno ne estas tute sen la patriota emocio: antaŭ ni disfaŭkiĝis granda kaverno sub la monto Huŝnjakovo en la pitoreska kroata intermontejo. El la kaverno ĝuste elŝoviĝis peztrunka, riĉvila figuro de kanibalo kun la distufaj brovoj kaj malalta frunto. Nia patriota sento ne trompas nin: tio estas nia fama samlandano, la prahomo el Krapina, la parenco al Neandertalulo el la diluvia praepoko.

Ni forŝovas la montrilon kaj haltigas ĝin precize unu sekundon antaŭ nia tempo.

Finfine, jen la unuaj aŭtentikaj homoj. Tio estas *Cro-magnonuloj* kaj la homoj el kaverno Grimaldi. Iliaj cerbo, korpkonstruo kaj ĉiuj ceteraj karakterizaĵoj estas tute samaj kiel ĉe la hodiaŭaj homoj.

Kaj nun ni faru eksterordinaran eksperimenton — forpuŝu ni la tempomontrilon trans la hodiaŭon kaj ĝin glitigu unu sekundon antaŭen — en la posttempon!

Ni rigardas la universan moviĝon de la ĉiela poluso: antaŭ niaj okuloj flugas jarcentoj, forpasas jarmiloj. La ĉiela poluso jam trakuras la stelgrupojn Cefeo, Cigno, Herkulo, Drako kaj trastrekinte tutan cirklon sur la firmamento jen denove ĝi enpikiĝas en la vostfinon de la Malgranda Urso apud la hodiaŭa polusa stelo.

Mirfrapite ni surpriziĝas, vere, kiel stranga sceno: ni jam troviĝas en la naturscienca muzeo de la 280-a jarcento!

Ni admiras la vitroŝrankojn plenajn de plej diversaj objektoj kaj preparaĵoj el la malproksima antaŭtempo de nia planedo. Sed, ankoraŭ ne orientiĝinte ĝuste en tiu amaso da ŝrankoj kaj preparaĵoj, ni jam rimarkas kiel

ĉirkaŭ unu vitroŝranko grupiĝis iaj estaĵoj. Ni alrigardas ilin pli atente — ili similas al ni, tamen kun iom pli alta frunto.

Jam ni ŝtelvenas proksime kaj al ni prezentiĝas interesa sceno: maljuna scienculo de la 280-a jarcento staras antaŭ la vitroŝranko kaj klarigas ion al la grupo el dekkelkaj lernantoj.

Ni alpaŝas eĉ pli proksimen al la vitroŝranko: ni rimarkas du homajn skeletojn, pedante etiketitajn kaj fiksitajn al metalstabloj. Tuj ni tralegas la surskribon sur la etiketo: »Homo sapiens«. Nu, ni jam priatentas la skeletojn kaj konsterniĝas pro surprizo. Estas ili skeletoj ĝuste via kaj mia, kara leganto!

Dume la maljuna scienculo pluklarigas al siaj lernantoj:

— Tio estas ia antikva, ankoraŭ primitiveta raso, vivinta sur ĉi tiu planedo antaŭ 26.000 teraj rondiroj ĉirkau la Suno, t. e. antaŭ unu universa sekundo. Ilia cerbo, kiel vi vidas laŭ la formo kaj amplekso de la kranio, estis proksimume duone malpligranda ol la nia. Tiu cerbo havis 17 miliardojn da ĉeloj, dum la nia enhavas 34 miliardojn da ili. Treege granda diferenco estas ĝi en la strukturo kaj kapacito de la cerbo. Ni forevoluis de ili ĝuste tiom, kiom ili forevoluis de la prahomo el Krapina aŭ de la Neandertalulo. Nia cerbo ja estas tutan kvalitgradon pli perfekta ol la ilia. La interrilato de la kvalitgradoj estas 35 : 34.

Sed kion signifas tiu proporcio, endemandas la lernantoj.

— Biologie la cerbo evoluas ne iompostiome, sed salte — ĉiam nur en la duoblan nombron da ĉeloj, ĉar la pli evoluintaj vivaj ĉeloj povas dividiĝi sole tiamaniere. Tiel, ekz. la cerbo de ordinaraj simioj havis ĉirkaŭ 2 miliardojn da ĉeloj, kio prezentis la 31-an dividiĝon de la

embria praĉelo. La cerbo de antropoidaj simioj ĉimpanzo, gorilo kaj orangutango havis 4 miliardojn da cerboĉeloj kaj tio estis 32-a dividiĝo. Kiam antaŭ 20 universaj sekundoj la cerbo de antropoidúloj duobliĝis de 4 al 8 miliardoj kaj duono da ĉeloj, tio estis la 33-a dividiĝo kaj sur nia planedo aperis homsimila estaĵo: la *Pithecantropus* el Javo. Proksimume unu universan sekundon antaŭ la tempo kiun ni nun observas, t. e. ĉe la transiro de la Krapina prahomo — *Neandertalulo* al ĉi tiuj homoj okazis la 34-a dividiĝo kaj tial ili havis deksep miliardojn da cerboĉeloj. Nia cerbo prezentas la postsekvintan ŝtupon: la 35-an dividiĝon.

Kioman forsalton faris ĉi tiuj estaĵoj disde la prahomo el Krapina, ĝuste tioman faris ankaŭ ni disde ili kaj nun ni havas duoble pli grandan cerbon.

— Sed kiel do — aldemandis iu el la lernantoj — de la *Pithecantropus* ĝis ili forpasis 20 kosmaj sekundoj kaj de ili ĝis ni nur unu?

— Jes, vere, el la biologia vidpunkto prave oni antaŭvidus, ke pro la naturgrada evoluo de cerbo la 35-a dividiĝo venos iajn 20 sekundojn post la *Cro-magnonuloj*. Sed post la raket-satelita kaj atoma erao, la homoj tiel subsklavigis la sciencon, ke en nemalproksima antaŭtempo ili sukcesis realigi la plej grandan majstroverkon, kiun la mondo ĝis nun travivis: *ili sukcesis artfare akceli la 35-an dividiĝon de la cerbo!*

Kaj tio estas nun ni!

Oni ne primiru tion malebla — aldonis la scienculo — jam tiam, t. e. en la komenco de la raket-satelita erao al homoj estis konata la kirurgia manipulo, nomita *»leukotomio«*. Al la frenezulo, suferanta pro misimagaj ideoj, kaj alatakema tiom, ke oni devis lin forkapti en mensmalsanulejon, oni kutimis tratrui la kranion kaj tratranĉi la nervajn kondukilojn inter la frunta

cerbolobo kaj subkortikaj centroj, nomitaj thalamus kaj hipothalamus. Tia homo, kvankam konservante plue la misimagajn ideojn, tamen rilatis al ili indiferente kaj ne ekscesis danĝere kontraŭ la medion kaj propran vivon. Sed gravaĵo ĝi estis, ĉar ĝi estis la unua artefarita ŝanĝo de la homaj cerbo kaj spirita vivo! Nur modesta komenco de la artfara influo en la spiritan vivon de la homo. Hodiaŭ sur ĉi tiu kampo ni plenumas verajn miraklojn. Ni planas la cerbon. En malproksimeta posttempo la homo povos havi cerbon laŭ la mendo: por esti matematikisto, kombinulo, memortena ĉiosciulo, lirika poeto, kritikema intelekto, optimisto, seriozulo k. t. p.

— Vere tre interese, sed ni ŝatus aŭdi iom pli pri niaj kuriozaj antaŭuloj, kiel ili vivis, kion ili faris, kian spiritan nivelon ili atingis.

— Nu, ne estos ĝuste tre facile al vi tion kompreni. La penoj por ekkoni ilin estus por vi same embarasaj kiel ekz. iliaj penoj por kompreni la konduton kaj spiritan nivelon de ilia antaŭtempulo — la prahomo el Krapina. Tion vi devas konstante konsideri!

— Konsentite, ni klopodos enviviĝi en tiun kuriozan situacion, sed, ni petas, rakontu ion pri ili! Ŝajne, ili estis tre kuriozaj estaĵoj.

La scienculo pren-alŝovas ian aparaton al la vitroŝranko, en kiu troviĝas niaj skeletoj.

— Jen, li diras, la unua afero, kiun ni rimarkas estas, ke iliaj ostoj entenas trosufiĉeton da stronciŭ kaj kobalto.

— Sed, kiel tio pririlatas ilian spiritan nivelon?

— Tamen, multe, diras la scienculo kapjesante faksperte. Ĉi tiuj estaĵoj ja, ĝuste en la tempo, kiam la jena duopo gapvagaĉis sur nia planedo, ekmalkovris la atoman energion. Vere, ili malkovris la eblon fruktuzi ĝin etkvante, nur 1-procente, sed eĉ surbaze de tiu

malkovro ili povis vivi fabelbrile — utiligante tiel la gigantan energion kun justa socia distribuo kaj laŭplana organizado ili ne devus labori pli ol du horojn tage kaj, laŭproverbe, paradizumi en mielo kaj lakto.

— Nu, sendube, ili faris tion tujtuje — intermetas la plej juna lernanto.

— Ho, tute ne — energie respondas la maljuna scienculo.

— Unua kapvena ideo pri tio, kion elfari per la atoma energio estis — la hidrogena bombo.

— Kio ĝi estas, la »hidrogen-bombo«? Scivolemas la lernantoj.

— Hu, tio estis la plej terura milit-armilo.

— Sed kio, do, estas la »milito«? Ankoraŭ neniam ni aŭdis pri ĉi tiu vorto.

— He, jes, kiel do mi klarigu tion al vi, la milito . . . estas, kiam multaj homoj intermortigas unuj la aliajn.

— Ha, kiel? Eksvarmas demandoj de la mirfrapitaj lernantoj.

— Kiel vi priĵusis: »kiam multaj homoj intermortigas unuj la aliajn?« Ĉu iam oni faris tion? Kaj kial oni ĝin faris?

— Hm, ĉu mi ja tuj ne diris al vi, ke vi ne povos kompreni la konduton de tiuj estaĵoj, samkiel ankaŭ ili ne povus facile kompreni la konduton de la prahomo el Krapina, se, ni diru, ili vidus kiel pormatenmanĝe li prifrandas la infanon de sia najbaro.

— Kaj tamen ni ne komprenas! Kial la raciaj estaĵoj intermortigu unuj la aliajn? La vivo ja estas la plej granda valoraĵo en la Universo! Homoj ekzistas en la mondo por vivi kaj ne por esti mortigataj. Mortigi raciajn estaĵojn, kiuj havas eĉ la konscion, fi, kiel naŭze! Krome, neprudente, sensence, malsaĝe — ĉar sufiĉis la loko por ĉiuj en la mondo. Nu, kiel ili mortigadis unuj la aliajn?

— Diversmaniere. Ekzemple, per pafilo, kiun ili nomis la »fusilo«. Sed unupafe ĝi povis mortigi nur unu estaĵon, tial ili ellaboris pli grandan pafilon — ĝin oni nomis la »kanono«. Ĝi povis mortigi dekkelkajn homojn. Fine ili inventis la plej teruran pafilon — la hidrogenan bombon. Unueksplode ĝi povis mortigi eĉ dek milionojn da homoj — la tutajn popolojn.

— Terurege! Abomenaĉe! Jes, ili estis pli kruelaj ol la plej sovaĝaj kanibaloj. Ĉu ne minacis la danĝero, ke per kelkcent atombomboj oni forekstermos ĉiujn homojn en la mondo?

— Jes ja, bedaŭrinde, minacis. Tiutempe estis jam elfaritaj ne centoj, sed miloj da hidrogenaj bomboj. Se tiam ili estus uzitaj, nia planedo, pro tiuj primitivulaĉoj, postrestus sen raciaj estaĵoj. Ĉi tiu planedo, okupinta en Universo esceptan lokon kiel portanto de la raciaj estaĵoj postrestus dezerta, senviva. La Tero refalus en la rangon de tute malgrava planedeto, kiaj miliardoblas en la Universo. Sur ĝi ne plu estus la plej interesa fenomeno, kiun konas la Universo, nek la mirmirakla fenomeno — la materio, kiu pensas pri si mem.

La maljuna scienculo iom enpensiĝas kaj post paŭzeto daŭrigas:

— Estis necesaj proksimume miliardo kaj duono da jaroj, por ke la vivo elevoluu de la ekpraĉelo de protoplasmo ĝis racia estaĵo, la homo. Kaj post milionoj da jarcentoj de la evoluo, kiam fine en la Universo aperis la unika estaĵo de la naturo, la estaĵo, kiu pensas, niaj avoj preskaŭ faris la plej stultan universan sinmortigon — al indignego de ĉiuj aliaj universaj mondoj, popolataj de raciaj estaĵoj. Kaj la tiamaj homoj por fari plejeble grandan diferencon inter si, inter la prahomo kaj ceteraj vivantaj estaĵoj, nomis sian specon »Homo sapiens« — la »saĝa homo«.

La katastrofo, al kiu ili senpripense kurpuŝiĝis tiam, altrudis la penson, eĉ paradoksan, al tiu, kiun turmentis zorgo pri la sorto de la vivo, kiel la plej supera fenomeno en la Universo. Estis ĝi la penso, ke eble estus pli bone, se la vivo sur la Tero tiutempe atingus la stadion de aŭstralia kanguruo kaj ne tiun de la »saĝa homo«. Tiam almenaŭ ne ekzistus danĝero, ke povus, eble, poreterne kaj senrevene estingiĝi la vivo en ĉi tiu regiono de la Universo. Kanguruoj ne estus tiel »saĝaj«, kiel la homoj, por scipovi krei la hidrogenan bombon kaj detrui sin mem kun ĉio vivanta sur tiu ĉi planedo. Por la Universo, kiel tuto, estus savita tio, kio plejvaloras — *la vivo,* eĉ egale kia vivo, nur ke ĝi estas la vivo.

— Sed kial vi menciis ĝuste la kanguruon kaj ne, ekzemple, ĉimpanzon, kiu inter ĉiuj vivestaĵoj, postvice al la homo, montris la plej grandan inteligentecon?

— Ne hazarde mi faris tion! La komparo pri la homo kaj kanguruo havas instruan signifon por ĉiu volanta pli objektive kompreni la sencon kaj leĝojn de la vivevoluo en Universo, ekde la tiel nomata »senviva materio« ĝis la materio konscianta pri sia ekzisto.

— Kaj kion prisencas la komparo?

— Antaŭ ĉio la kanguruo estis loĝanto de la forapartiĝinta kontinento, Aŭstralio. Aŭstralio, nome, antaŭ kelkdek milionoj de la teraj rondiroj ĉirkaŭ la Suno, t. e. antaŭ iaj 20 universaj horoj forapartiĝis disde Azio. En la momento de forapartiĝo la vivo sur ĉi tiu planedo evoluis ĝis marsupialoj aŭ ventropoŝuloj, t. e. ĝi estis en la transira epoko de la gigantaj mesozoikaj lacertegoj al la hodiaŭaj mamuloj, prezentantaj, almenaŭ ĝis nun, la plej altan fazon de la vivevoluo.

Do, en la tempo de forapartiĝo de Aŭstralio disde la »Malnova mondo«, la plej evoluintaj estaĵoj sur ĉi tiu planedo estis la ventropoŝuloj kaj la kanguruo estas ilia

tipa reprezentanto. Dum la vivo tra sekvaj kelkdek milionoj da jaroj en Azio kaj sur la aliaj kontinentoj de la »Malnova mondo« grandioze progresis por prezenti sur la scenejo de la Universo — pere de evoluintaj mamuloj — la cerbojn de Kant kaj Einstein, per mistera ludo de la naturo la ĉiplaneda vivo sur la forsoleca kontinento Aŭstralio restis ĉe la nivelo de — kanguruo!

Preskaŭ nekredeble! — sur la *sama planedo,* alrigarde el la *interplaneda* perspektivo, preskaŭ sub la samaj fizikaj kaj biologiaj kondiĉoj — jen tiel grandega, planedskala diferenco!

— Sed la Tasmanianoj kaj indiĝenoj de Aŭstralio?

— Ili ne aperis sur ĉi tiu Terparto naturevolue, sed, nur post la homapero en la »Malnova mondo«. En kelkaj lastaj universaj sekundoj areto da kanibaloj fortienis, verŝajne, per primitivaj pirogoj aŭ »Kontiki-flosoj« kaj trafis, kvazaŭ, en magian zoologi-botanikan ĝardenon de la antikva pratempo — en Aŭstralion.

Kiam poste eŭropaj scienculoj venis en Aŭstralion, ili trovis multon primirinda: sovaĝulojn — forrifuĝintajn el la »Malnova mondo« en la sorĉan bestan kaj botanikan regnon el la pratempo!

Do, dum la ĉimpanzo estas al la homo — nurdire — kuzeto el la »Malnova mondo«, la kanguruo estas la pli aĝa kuzeto el la »Nova mondo«. Kaj eĉ tre interesa kuzeto por ĉiuj, kiuj dezirus almenaŭ provsalti trans niajn mallarĝajn unuplanedajn perspektivojn en la observado pri la fenomeno kaj evoluo de tio, kion ni nomas: la vivo en la Universo, la *eblaĵo kaj la limoj de mond-ekkono* per la materio, kiu pensas.

— Nu, vere tio estas neordinara kaj interesa — konfesas la lernantoj.

— Jes, sed eĉ pli interesa kaj neordinara estus la jeno: imagu, ekzemple, ke pro iu ajn naturkaprico Aŭstralio

multe pli fordistancus de la »civilizita« mondo, kaj ke ĝin ne estus povintaj alatingi ne nur tiuj prakanibaloj sur la flosoj, sed ankaŭ ne la posttempaj sovaĝuloj kun hidrogenaj bomboj.

Kiel admirinda universa tragikomedio tio estus, kiam la kanguruo ekbabilemus:

— Tie transe mi havis kuzeton. Li aplombis kiel mirakle eltrovema estaĵo. Li inventis maŝinojn, kiuj laboris anstataŭ li. Li aerflugis, dum mi povas saltkonkurse elĉampioni miajn ceterajn kvarpiedajn amikojn nur per kelkmetra plidistanco; mia kuzeto scipovis eĉ paroli kaj pensi! — min li tute ne volis eldorloti dombesto, sed, onidire, li prenis iun multe, multe pli inteligentan ol mi, nomitan — »ĉevalo«.

Mia kuzeto estis jam tiel disfama, ke li iĝis atentofokuso en tiu ĉi parto de la Universo. Li jam ekaventuris forekskurse ĉirkaŭ nian planedon, spitante la kosmajn leĝojn kaj distancojn.

Kaj tiam... tiam li ekludis per iu el siaj inventaĵoj, per la »bombo«. Disbrilego de cent sunoj! Terurbrua ekkrakego de rultondro. Ŝpruckresko de giganta fungo! Jam — pereis ĉio. Ankaŭ la kuzeto kaj lia ĉevalo!

Hura! Bravisime! — Nun la plej saĝa estaĵo sur ĉi tiu planedo estas mi! Kaj ne nur sur ĉi tiu planedo, eble, eĉ en la tuta Universo!

Ha, kia Kant, kia Einstein, kia »Homo sapiens«! La mastro sur ĉi tiu planedo kaj en ĉi-tuta regiono de la Universo estas nun mi!

Jes ja, mi — kanguruo la giganta!

La scienculo de la 280-a jarcento pormomente interrompas la rakonton. La lernantoj iel enpensiĝis kaj tiam iu aldemandas:

— Ĉu ver-eble, ke sur ĉi tiu planedo tiam ne ekzistis homoj sanprudentaj, rimarkintaj la spiritan nudecon de tiu hidrogena idiotaĵo?

— Ja ekzistis, kompreneble, unuavice inter scienculoj kaj filozofoj. Estis eĉ ŝtatestraroj, tamen kelkaj ŝtipkapaj politikistoj, kredantaj per tio gardkonservi siajn interesojn kaj pretendatan »prestiĝon«, cerbmanke daŭrigis la eksperimentojn per hidrogena bombo.

— Kaj la sorto de la mondo? Kie do ilia konscienco? Kie la homeco? Senrespondece ili prihazardis ne sole la vivon de milionoj da viroj, virinoj kaj infanoj, sed ankaŭ la sorton de la homo mem, de la pensipova estaĵo en la Universo, kies kosma misio estis, ŝajne, iel ekster pensatingo de tiuj cerboj, senkonsciencaj kaj senprudentaj.

Vere, senprudentaj — vi pravas. Fakte, pro la nombre sensignifa manpleneto de tiaj menskavuloj la tuta mondo estus devinta perei.

— Sed kion faris du miliardoj kaj duono da homoj, dum kelkaj tiaspecaj dukruruloj, sen spirit-fajrero kaj spliteto da konscienco fasonadis la homdestinon? Ĉu ili konsentis esti bovidoj forŝnurataj al la hidrogena mondbuĉejo? Ĉu ili ion entreprenis? Kie ilia prudento?

— Ĉu ili ion entreprenis? — Ne estus simple respondi al tiu ĉi demando nur per kelkaj vortoj. Eble serieto da bildoj el la vivo de la tiutempaj homoj diros multe pli ol la tuta vortriĉo de nia lingvo. La scienculo aliras ian aparaton, ekmanipulas kelkajn turnilojn kaj sur la antaŭo de la aparato ektujis kurioza bildo.

— Jen segmenteto el la vivo de niaj prauloj antaŭ 260 jarcentoj. Sur la ekrano nun vi vidas scenojn en iu halo de la tiam plej granda mondurbo. Vi jam rimarkis tiun ŝvelgigantan homamason? Laŭ ĉiuj signoj ĝi bolekscitiĝas. He, kio okazas? Tie en la mezo, sur la ellevita podio, ĉirkaŭzonita per ŝnurego, dancsaltetas du

korpulentaj dukruruloj kaj ial pugnosvingas unu kontraŭ la alian.

La scienculo iom pli formovas la turnilon sur la aparato kaj plukomentarias:

— Jen vi vidas nun elpliproksime. Surmane ili havas grandajn gantojn kaj plej streĉforte paffrapas per la pugnoj unu la alian, sur la nazon, kontraŭ la okulojn, en la ventron. Ilin ambaŭ jam surverŝis sango. De unu la sango gutruliĝas el la okuloj, de la alia el la nazo kaj falglitas trans la bruston. La amaso, evidente, ĝuegas la scenon, precipe, kiam iu el tiuj ĝentilhomoj albategas, fal-ekskue, sian parulon sur la nazon aŭ en la ventron. Jen — jen, ĝuste nun unu el ili kun vigla orangutanga sinmovo manfrapegis la mentonon de sia parulo tiel terure, ke la makzelo elartikiĝis. Rigardu la kompatindulon, li nun surdorsas plene ensanga kaj korpspasme, krurskrapante la podion, li forrigidiĝas en senkonscion. La amaso jam sovaĝe hurlas: Brave, Brave! Bravisime, Joĉjo! Ekstaz-erupcie ĝi jam levis Joĉjon surŝultren kaj lin portas ĉirkaŭ la halo. La idolo li estas, ja la heroo! Liajn fotografaĵojn morgaŭ publikigos ĉiuj gazetoj, multaj eĉ fruntpaĝe kun 777 detaloj el tiu brutaĉa interpugnado. Per sia orangutanga pugnego Joĉjo gajnis milionojn, dum pluraj scienculoj ne havis monon eĉ por aĉeti al si librojn por la studado, per kiu ili progresigus la sciencon kaj kulturon de la homaro.

En ĉiuj mondgazetoj abunde svarmis fotografaĵoj de tiaj herooj, sed oni malofte trovis fotografaĵon de filozofo, pedagogo aŭ scienculo, donancinta al la mondo utilan malkovron aŭ plenuminta humanan agon.

La scienculo post tio denove formovas la turnilon sur la aparato kaj daŭrigas:

— Nun vi vidas stadion en la granda urbo, kiu iam situis inter du eŭropaj riveroj. Ĉi tie, ĉirkaŭ la verda

kampo sidas 100.000 dukruruloj. Sur la herbejo ien-tien kuras homoj en kolorvestetoj. Per speciale adaptitaj ŝuoj ili frappuŝas ledrondaĵon, aerblovitan por elastaj resaltoj. La homoj en kolorvestetoj afablaĉe krursubmetas unu al alia, pli ofte surfrapante per siaj pafŝuoj la tibiojn de la pilkantoj ol la rondaĵon. La amaso bolfebras observante la interesaĉan interhufadon kaj, precipe, kiam la ŝuo ne trafas la rondaĵon, sed la tibion de rivalo — ĝi subhejtas alkriaĉe:

— Frapfrakasu lin, trapugnu la stomakon, bat-elŝutu la dentojn!

Jen, ĝuste nun tiu ledrondaĵo trapafiĝis inter trabojn paralelograme kunmetitajn. Cent mil homoj elŝpruce saltleviĝas kaj jam distondris la blekego:

Traaafo! Brave! Braveee!

La individuo, piedpafinta la rondan ledobjekton tra la trabkvadraton, estas — la heroo de l'tago. Li estas la idolo de ĉiuj ĉi 100.000 dukruruloj. Liaj kruroj en tiu eminenta societo signifas pli ol la kapoj de ĉiuj filozofoj de la mondo...

Ne pensu, ke, eble, iu el tiuj dukruruloj pli profunde meditis pri la hidrogen-bombo kaj ĝia signifo por la universa destino de la penskapablaj estaĵoj...

Iu el la lernantoj interrompas la profesoron per rimarkigo:

— Mi komprenus ja, se ĉiuj ĉi ludoj servus al la homoj por distroripozo, sed mi tute ne povas kompreni, ke al multaj el ili tio estis sola enhavo de la spirita vivo!

La maljuna scienculo, eĉ ne provante prialudi la rimarkigon de la lernanto, nur plumovas la turnilon de la aparato kaj daŭrigas:

— Nun suras la angulo de la ĉefplaco en la urbo, iam kuŝanta ĉe la bordo de la rivero Sava. Ni rigardas la scenon, kiu prezentiĝas vespere post kiam tiu ĉi feliĉega

urbo havis la honoron rigardi sagacan konkuron de homoj, kies kruroj estis multe pli aŭtoritataj ol la kapoj.

La scienculo ekpuŝas plie la turnilon kaj la tutan ekranon surbildas la mezkerno de grandega junulgrupo. Sur pikkoloraj ĉemizoj abundas ĉiaspecaj desegnaĵoj — de nudaj virinoj ĝis bizonoj kaj krokodiloj. En tiu paradema junulsvarmo elplejas larĝgorĝe du:

— Ĉit, vi laktobubeto! Boĉjo krurmanovras fabelece. He, kia superklasulo! Ĉu laŭkompari vian Toton al li?! Kretenaĉo, jes ja vi!

— Mil diabloj, fi, vi nazfosulo! La »verdbluzuloj« ĉiam estis la plej bona klubo. Ili venkopistis ĉiujn en la mondo. Jen la gloro! Eĉ! Kaj la viaj, nu, kien glitruliĝis tiuj forkalkanitaj analfabetoj? Ili priapenaŭas eĉ la simplajn pilkŝovojn!

Kalumniaĉo! Nia Vilĉjo glorstile pilkpafas. Ĉu ne li krurtrompis tri viajn »stratkombistojn« kaj surprizkalkane trabombis la celkadron! Jes, la niaj estas klasuloj, mondklasuloj, ili elpiedas la futbalon riĉgenia. Kaj viaj stratkombistoj? Nuraj fuŝfuŝistoj! Fi-i-i!

La ĉirkaŭstarantoj modeste kaj klinrespkete aŭskultas la du interparolantojn, kiuj, ŝajne, inter ili elrangas kiel elstaraj saĝuloj en la altfaka ekspertizo pri la fruktopezaj kulturatingoj.

La scienculo malfunkciigas la aparaton kaj demandas la lernantojn:

— Do, kion vi diras pri ĉi tiuj cerbofortuloj?

— Nu, ilian cerbon ne prienvius eĉ *eohipus,* la praavo de ĉevalo.

— Kiaj kuriozuloj — aldonis iu lernanto. Ĉu ili ne havis ian pli enhavan okupon aŭ amuziĝon? Kiaj primitivuloj! Ni tute ne povas ilin kompreni.

— Ne, infanoj miaj, ne estas al mi facile, vere ne, klarigi al vi ilian spiritan postrestecon. La spiritan nivelon

de tiuj estaĵoj oni devas kompreni necesa ŝtupo, ia ĉenero, en la elevoluado de la homo.

— Sed ni ĝuste neniom komprenas pri ili. Klarigu al ni, ni petas, la sciencan esencon de ĉi tiu kurioza mondo el la praa estintaĵo.

La maljuna scienculo enzorge kapskuas kaj aldonas:

— Do, mi provu, kvankam tio ne estas simpla.

La scienculo ekmovas la turnilon. Sur la ekrano aperas nova bildo — svarmo de homoj kaj veturiloj.

Tiu ĉi urbo iam sterniĝis ĉe la enfluejo de Tamizo. Nun antaŭ vi estas ĉiutaga sceno, el tiu pratempo, sur la ĉefplaco de la urbo. Rigardu la svarmon, la homoj mult-multas kiel formikoj en la formikejo. Alrigardu pli atente iun ajn el ili!

La scienculo denove movpremas la turnilon kaj sur-ekraniĝas junulo proksimume 25-jara. Li paŝas sur la trotuaro tute pensdrona.

— Jen ĉi tiu junulo ĵus eliris el la vojtransa vendejo. Li aĉetis loterian bileton de sportvetejo kaj nun meditas: »He, se mi gajnus la premion de 1.000 pundoj, estus brilege! Tuj mi aĉetus freŝelegantan aŭtomobilon«. La junulo pormomente kapflankas kaj, ekspertizinte sian aspekton en la vitro de montrofenestro, diras al si mem: »Hm, kiel ĉarme ornamas min la lipharoj«. Iel ekrigidema en la teniĝo li pluiras gravule kaj aplombe.

La scienculo tordpremas la turnilon plue. Sur la ekrano ekjamas juna knabino.

— Ĉi tiu knabino ĵus aĉetis novajn ŝuojn. Ŝi paŝas feliĉega. »Eĉ ne unu ĉe la danclunĉeto havos tiel belajn ŝuojn kiel mi. La knabinoj pro envio krevpufiĝos, ĉar la junuloj rigardos nur min. Neniu havas tiel okultikle eltornitajn krurojn kiel la miaj. He jes, ĉiuj viroj frenezumas pri mi!«

Fortie nun estas oficisto. Li iras al la amikoj por briĝludado, ĉar por fari ion pli saĝan ne venis al li eĉ nur ideo.

— Kaj la knabino distie ekvojis al frizisto primeditante: »Ej, se mi estus filmaktorino. Kia gloro! Mia fotografaĵo aperus en ĉiuj gazetoj. Centojn da adorantoj mi havus! Kiel rave! Neniu egalus min!«

La jena homo iras al la kunsido de la »Societo de la gardantoj pri la imperiaj tradicioj« kaj pensas: »Vere mi sinofere fordonis min al tiu grava laboro. Se hodiaŭ oni ne elektus min prezidanto, ĝi estus kanajlaĵo. Sed certe oni min elektos. Ili devas min elekti! Nu, tio estus belega. Kiel elstare mi ekrangus en la socio!«

Sed, kial tiom malĝojas la junulo, starante tie ĉe la bordo de Tamizo? — endemandas iu lernanto.

La scienculo alfiksetas la okulojn al la soleca junulo, kies rigardo sencele vagas sur malklaraj ondoj de la rivero.

— Juĝante laŭ la senespera teniĝo verŝajne ĝi estas la plej ĉiutageca kazo — la amperdo ĉe la knabino.

— Kaj kial tioma senespero? — ekmiras la lernanto.

La maljuna scienculo bonule ekridetas.

— Jes, tiel estis tiam; la amperdo signifis unuavice ofenditan personecon kaj, krome, doloran malplenon pro la ĉeso de alkutimiĝo, kiu per sia enhavo plenigis preskaŭ la tutan vivon. Li prirevis tiun knabinon tra monatoj, tagnokte, foriluziante sin en ĉiajn feliĉaĵojn de la kunesto. Kiam fine ili intimiĝis, subite ili ekmisakordis.

Eble nun ŝi promenas tra alia strato, same malfeliĉa kiel li, ĉar la alia, kiu intertempe ekfokusis en ŝiaj revoj, same tiel malfeliĉe prisopiras iun alian »ŝi« . . . k. t. p.

— Kial tio estis ĉe ili tiel komplikita? — rimarkigas unu el la lernantoj. Ĉu ĉe ili la simpatioj ne naskiĝis surbaze de la spirita parenceco kaj simileco de la karakteroj?

— Viroj kaj virinoj de la tiama epoko estis ankoraŭ tro disforaj por intime interkompreniĝi. Viroj rigardis virinojn, tieldire, per la virecaj okuloj kaj virinoj virojn per la inecaj. Ĉiu komprenis nur sin mem kaj ne povis enviviĝi en la sentojn kaj spiritajn bezonojn de la aliseksulo. Ili, simple, supraĵe konis unu la alian kaj tial anstataŭ interfeliĉigi aŭ plibeligi la intervivon, ili ĝin amarigis.

Kaj almenaŭ en la amo ili povis esti feliĉaj. Se ne ĉiu povis iĝi direktoro, sekciestro, filma aktoro, aŭ posedi aŭtomobilon, somerdomon, tamen ĉiu povis trovi kunparulon en la amo. Ĉar estis ĝuste tiom da viroj kiom da virinoj, kaj, krome, la naturo mem puŝis ilin renkonte unu al la alia.

Ilia miskono de la plej elementaj leĝoj pri la psika vivo kaj, eĉ plie, la malkompreno pri la rolo de erotiko kaj karaktero, pri la superfacile ekscitiĝema komplekso de la propra personeco, jen la prempezaj faktoroj, kiuj elefikis la amtravivaĵon pli ofte sufero ol ĝojo kaj senmakula feliĉo.

El tia stato, kompreneble, neniu povis ĉerpi utilon, krom, eble, multnombraj verkistoj de romanoj kaj filmaj scenaroj. Nehavante pli kreajn temojn ili ĝisabsurde kaj senĉese prisiropis unu saman problemon — *la rilaton inter geuloj sur nia planedo.*

Dume la junuloj kaj junulinoj, deziremaj ekscii ion pri la problemo, glutvolupte legis tiajn romanojn kaj rigardis sennombrajn stereotipajn filmojn. Per la elimagaj kaj artefaritaj iluzioj ili eĉ pli komplikis tion, kio per si mem ŝajnis superkompleksa.

La maljuna scienculo pormomente ĉesas, kvazaŭ ekopiniante la temtenon tro daŭra. Li ekmovas la turnilon de la aparato kaj komencas laŭvicigi bildojn.

Sur la ekrano aperis junuloj kaj junulinoj, viroj kaj virinoj. Unuj iras en kinejon, aliaj al futbalo, danco aŭ bokskonkurso; dommastrinoj urĝrapidas al la vendoplaco por aĉeti nutroprovizon aŭ en la butikon por hejmaĵoj; kelkaj plenumas ir-komisiojn por prizorgi lignon aŭ karbon por la vintro, kelkaj por plandumigi ŝuojn aŭ venigi ladiston por riparo de akvokondukila krano k. t. p., k. t. p.

Post la vere kalejdoskopa multkoloro la scienculo reekparolas: »Ĉu vi vidis tiun formikejon? Tiel aspektis, pliparte, la vivo de la tiamaj homoj. La konata ekonomiisto de tiu socio, Adam Smith, diris pri ili: »La spirita evoluo de la grandega plimulto da homoj estas determinita per ilia ĉiutaĝa rutino«.

Tiuj estaĵoj, kvankam posedantaj la intelekton kaj alte evoluintajn kapablojn de la universaj mensuloj, fruktuzis la intelekton apenaŭ por io alia ol por la unuagradaj vivbezonoj kaj agceloj. Ilia penso kutime progresis nek traplue nek plialten el la ĉiutaga filistreco. Preskaŭ sian tutan vivon ili estis okupataj pri la ĉiutagaj zorgoj, fakte efemeraĵoj. De la naskiĝo ĝis la morto ili eĉ ne ekmeditis, *kial ili nur tiel kondutas, kial en la universaj okazaĵoj ili nur rutinece trasklavas sian vivtempon.* Pliparte ili degradiĝis en mutajn objektojn de la naturaj kaj sociaj leĝoj, anstataŭ esti iliaj esplorantoj, fundkonantoj kaj — mastroj.

Kial okazis tiel en la tiama epoko? — ekscivolemas la lernantoj.

— Por kompreni tion oni devas unue scii, kiel kondutis la malplisuperaj vivformaĵoj, ĉar, finfine, de ili ankaŭ ni elorginis.

La beston regas antaŭ ĉio la kontentigo de la instinktoj por vivkonservo kaj pluigo de la speco. La kontentigo de la vivbezonoj — pri nutraĵo, vivsekuro, sekskuniĝo kaj

protekto al idaro — jen la ĉefaj faktoroj, kiuj pritialas la konduton de la bestoj.

Sed la kvintesenco estas en la jeno: la besto agas sen la konscio, iel, ni diru, aŭtomatece. Ĝi ne scias, nek povas scii aŭ analizi la sencon kaj signifon de la naturleĝoj laŭ kiuj, premdevigite, impulse, ĝi kondutas. La besto ne komprenas, k i a l ĝi tiel agas. Ĝi, nure, kontentigas siajn instinktojn kaj la pli inteligenta iom pli lerte kombinas dum la realigo de siaj bezonoj. Ĉimpanzo, ekzemple, eltrovos, ke necesas alpuŝi grandetan keston sub la tro altpendan bananon, por desure ĝin mankapti kaj forfrandi. Dume, hundo plorboj ante elsalivos eĉ en la morton sub la odortenta glutaĵo, forlevita ekster la saltkapteblon. Nome, ĝia malpli evoluinta cerbo ne ebligas elkombini la uzmanieron pri la tujproksima kesto.

Ĉe siaj kondutagoj, do, la pli inteligenta besto leviĝas nur ĝis la spiritnivelo de la far-*kielo*. Sed ĝi neniam sin transsvingas al la intelekta nivelo de la far-*kialo,* t. e. la besto neniam kapablas kompreni, ke *la kontentigo de instinktoj estas sole rimedo aŭ maniero de la naturo por konservi la vivon en la Universo kaj ne la senco de* (ĝia personeca!) *vivo kaj ekzistado.*

Hodiaŭ, kompreneble, al vi estas tute klaraj ĉi tiuj elementaj aferoj, sed al niaj prauloj antaŭ 260 jarcentoj estis vere nefacile levi sin en tian scikonon.

La maljuna scienculo iom enpensiĝas kaj tiam daŭrigas:

— Por la pli bona kompreno mi rememorigu al vi, ke ni konas tri gradojn de la materi-evoluo en la Universo:

unua grado — neorganika materio aŭ tiel nomata »senviva materio«,

dua grado — organika materio aŭ tiel nomata »viva materio«,

tria kaj la plej alta grado — la *pensipova materio,* ĝi estas la cerbo.

La cerbo de homo, tio estas la pensipova materio, aŭ pli koncize: *la penso* estas la plej perfekta stadio de la universa materi-evoluo. Jen la plej interesa kaj la plej enigma fenomeno, kiun konas la Universo:

*la materio, kiu pensas pri si mem, pri la senco de sia ekzistado kaj pri la senco de ekzistado de la tuta Universo!*

Tio estas la plejsupro mem de la universa evoluo.

Kaj la maljuna scienculo ekpluas:

— La esencon kaj la sencon de la plej supereca evento en la Universo, t. e. ke en ĝi aperis materio pensanta pri si mem, povis tiam trakompreni nur la homoj, kiuj per sia intelekta enhavo jam trarompis la kadron de la ĉiutago. La pliparto de la homoj, tiam vagsvarmantaj sur ĉi tiu planedo ankoraŭ fordistancis de tia prikompreno. Ili, endronaj en la ĉiutagaj problemoj, apenaŭ havis tempon por turni la rigardon al majestaj universaj okazaĵoj, disvolviĝantaj super iliaj kapoj kaj super iliaj liliputaj mondkonceptoj.

Tiuj estaĵoj, vere, jam venkakiris la far-kielon, tamen por elprogresi ĝis la far-kialo — estis necesa meditado. Kaj mediti pri la mondo kaj vivo signifas, kernosence, filozofi. Se tio iom plioftus ĉe tiuj estaĵoj, en ilia vivo ne estus tiom multaj nekompreneblaĵoj, kiujn nun vi primiras. Antaŭ ĉio ili ne tiel mizeraĉe kaj senhelpe ĉirkaŭvagus en la senespera rondo de la hidrogena sensencaĵo.

La scienculo pormomente enpensiĝis kaj posttiam aldonas: ili rab-eltordis de la Universo la sekreton pri la liberigo de atomenergio — por mortigi la homojn; ili kreis la plej perfektan teknikon — por la plej radikala kanibalismo. Ili staris ĉe la apogeo de sia evoluo kaj samtempe — super la abismo de la ĝenerala sinmortigo.

La lernantoj nun enrompas la eksplikadon de la maljunulo:

— La konduto de tiuj neordinaraj estaĵoj iel rememorigas al ni la ne-tro-pratempan devenon el la muta besta regno. Ĉu la tiama homaro, konsidere al la tiel nekredebla primitiveco, fakte ankoraŭis sur la nivelo de la besto?

— Science ne estus ekzakte kompari simple tiun socion al la formikejo. Vere, la homoj tiam utiligis siajn intelektajn kapablojn preskaŭ ekskluzive por la primitivaj celoj, kiel ankaŭ la bestoj, por kontentigi la unuagradajn vivbezonojn. Granda plimulto el la homoj en siaj ĉiutagaj plenumoj ne manifestis ĝuste la supropinton de sia intelekta potencialo.

Tamen, neniuokaze, oni pretervidu, ke tiuj estaĵoj havis la homan socian kunvivon, kiun ja oni devas ne identigi al la vivo de bestaj komunumoj, kiaj estas ekz. formikoj aŭ abeloj.

La homoj de tiu epoko jam ekkomprenis, ke en ilia socia kunvivo, speciale en la ekonomiko pulsas *elementa* forto — la forto-senbrideco, kiun oni devas alkateni per la scienca enkapto fare de la sociologio kaj sociologia praktiko.

Sed — altujas la maljuna scienculo — ĉu la forto-senbrideco en la kontentigo al instinktoj, ĉu la superstiĉo, ĉu la nefundkona ambicio, la ĵaluzo, la egoismo, k. t. p, k. t. p., — ne estis ankaŭ la forto-senbrideco, misordanta la ŝpiritan vivon de la estaĵoj, kiuj havis la *konscion?*

La pritemaj praŭloj jam ekentreprenis unuajn energiajn paŝojn por likvidi forto-senbridecon en la ekonomiko. Sed ilia scio pri la propra spirita vivo estis ankoraŭ tre mankotrua kaj tial estas tute neparolinde pri la provo de scienca planado sur tiu ĉi kampo.

— Sed ĉu tiuj homoj ne konis la psikologion?

En tio preskaŭ ili ankoraŭis ĉe la komenco mem. La homoj de tiu epoko scipovis direkti aŭtomobilon, aviadilon kaj helikopteron, manipuli radioaparaton kaj televidilon. Ili sciis kiel subvaksi skiojn kaj miksi riĉodorajn parfumojn. Ankaŭ centojn da aliaj ĉiaĵoj ili scipovis, sed ili estis tutplenaj neniosciuloj pri la funkciado de sia *cerbo,* t. e. de sia spirita vivo.

La tiuepokulo ne kapablis science ekspliki, kial li estas ĝuste tia, kia li estas: kial li estas malkontenta aŭ malfeliĉa, mem-centrema aŭ antipatia, neprikomprenata aŭ misadaptiĝema en la societo; kial li estas senrevigita aŭ kial li neniam sukcesas alrealigi la proprajn vivdeziregojn; kial kaj kiel ekestas la amo, kio kerne estas egoismo, memcentrismo, tronsinflato, vantemo, envio, strebado al sukceso, riĉaĵoj, rangoj, gloro, elgravigo de sia personeco — ĉio ĉi estis neesploritaj, malpercepteblaj forto-senbridecaj enigmoj, kiuj en ilia spirita vivo, same kiel forto-senbrideco en la ekonomiko, senbezone komplikaĵis kaj faris la vivon disereca, plena de superfluaj, vanaj kvereloj, konfliktoj kaj korpremaj senreviĝoj.

Interese, la homo de la tiamo kutimis rimarketi plurajn el tiuj psikaj fenomenoj, sed nur ĉe iu alia — ĉe si mem neniam!

Al vi, hodiaŭ, estas fremdaj kaj nekonataj tiaĵoj. Per la elkono de la naturaj kaj sociaj leĝoj kaj, krome de la leĝoj en nia psika vivo, ni liberiĝis el sub la forto-senbrideco ne nur en niaj produktaj procesoj kaj sociaj interrilatoj, sed ankaŭ en nia spirita vivo. Kvankam la antaŭuloj jam faris unuajn paŝojn por elimini la forto-senbridecon el la produktaj procesoj kaj sociaj interrilatoj, estis necesa plia, grandega, peno, almenaŭ en tiu epoko grandega, por likvidi la forto-senbridecon en la spirita vivo de la homo.

Jen kial la tiuepokulo anstataŭ esti mastro super la naturo, Universo kaj sia socia sorto, pliparte estis nur la objekto de la netrakomprenitaj naturaj kaj sociaj procesoj kaj leĝoj. Ankoraŭ li ne ekkomprenis eĉ la plej fundamentan leĝecon de la elementaj psikaj fenomenoj, kiaj estas instinktoj, aŭtomatismoj, mekanismoj, refleksoj kaj ceteraj procesoj de la psika vivo. Oni eĉ ne konjektis, kiel evoluas la komplikita homa *personeco* el la interefikado de la individuo kaj socia medio. Oni ne sciis ankaŭ multe pli simplajn faktojn, ekz. kial ili senkonscie plenumas (dum la afekcioj) tujtujajn kaj nemotiveblajn reagojn, kiujn, ofte, ili devis amare pripenti tra la vivo, elrikoltinte tre malagrablajn kaj nedeziritajn sekvojn.

— Alrakontu, ni petas, kelkajn kromaĵojn pri tiu interesa mondo de niaj antikvuloj — kiel ili forevitis la pereoportan krizon pro la hidrogena danĝero?

— Apenaŭ ili ĝin forevitis! Oni devis skuveki la konsciencon de la tuta homaro kaj ĝi ne estis facila tiutempe. Nun vi jam pli bone komprenas, kial estis nefacila: dum, unuflanke, en la postrestecaj landoj, la homoj estis karceritaj en senhavon kaj malklerecon, aliaflanke, en la »kulturaj landoj« krimule oni stultigis la amasojn per bombonecaj televidaj programoj kaj filmoj, ŝimtema kaj dekadenca literaturo. Oni vizitadis sportkonkursojn, oni kartludis, klab-pilkis, dance tordbaraktis. Surobseditaj de la ĝismorgaŭaj efemeraĵoj la homoj tute ne rimarkis (eĉ ne zorgis!) kiel ili alsubitis, senkonscie, super la randon de la hidrogena katastrofo.

Nunloke la rakonto jam ekhezitigis la spirritmon de la lernantoj. Korpreman silenton rompas nur la apenaŭeta tiktakado de la aparato, senĉese registranta elradiadon de stroncio kaj kobalto el niaj skeletoj.

— Eble, la silenton ekrompetas la scienculo, vi antaŭhavos la bildon pliklara, se mi konigos al vi antikvan

hindan fabelon, bele laŭrakontitan de la tiutempe konata verkisto Lav Tolstoj:

En ĝangalo devojiĝis homo. Dum lia vojserĉado surkribriĝis la nokto. Por tradormi for de la diskarnemaj sovaĝbestoj li surgrimpis arbon. Kiam la matenkrepusko transruĝis en la ektagon, malsupre, sub la arbo li ekvidis sangavidan tigron dentpreti por lia degrimpo. Tuj ekfulmis al li la lasta ŝanco: mi povus elsaviĝi nur transrampe tra la branĉaro. Sed ve! Apenaŭa kapturno kaj, jen, sur la apuda branĉo dorme komfortas giganta serpentaĉo! Ĝia kapo tuŝtujas, ajna moveto — la serpentaĉo vekiĝos — nu, tiam la katastrofo ne eviteblos. La kompatindulo, timfreneza, ekŝtoniĝis en teruron kaj panikon. Rigardante tiel kelkan tempon li eksentis, ke tra la densa branĉaro io falfaletas sur la folion ĝuste ĉe la buŝo. Superpendis nestujo, elkonstruita de abeloj, kaj mielo glitruliĝis trans foliojn rekte antaŭ liajn lipojn. La homo, tute senpensa tiumomente, eklekas la mielberon, ĵus algutintan — kaj jam forgesas la tigron kaj serpenton...

— Sed kiel, do, ili forevitis la hidrogenbomban pereon — senpacience ensubitas la lernantoj — nu diru jam fine!

— Unue ekribelis la konscienco de scienculoj kaj filozofoj: la konata angla filozofo Bertrand Russel, la fama Albert Einstein, la Nobelpremiito Frédéric Jolliot-Curie kaj aliaj elstaraj mondpublikaj aktivuloj eldonis manifeston, alarmante la homaron pri la danĝero ĝin minacanta.

Poste 9235 scienculoj el 44 landoj, kun la Nobelpremia laŭreato Linus Pauling ĉefrunte, subskribis apelacion por la Unuiĝintaj Nacioj.

Ekvulkanis indignaj protestoj tra la tuta mondo. Homoj — filozofoj, scienculoj, laboristoj, junularo kaj, antaŭ ĉio, la zorgoplenaj patroj kaj patrinoj tondrigis sian voĉon por la savo de la homaro kaj civilizo. Ĉiu fine ekkonsciis, ke estas sensence atendaĉi, ke lian sorton

prizorgu nur »iu alia«. Por tiu celo ĉiu opulo devas ja alkontribui ankaŭ sian parton. Kaj la konkorda volo de hommilionoj estas la potenco antaŭ kiu ĉio forcedas.

Tiam 500 milionoj da loĝantoj de ĉi tiu planedo subskribis energian proteston kaj, fine, estis eldevigita la traktato inter ŝtatoj. La mondo estis elsavita for de la katastrofo, pri kiu neniu scipovus diri, ĉu ĝi estis plie timkonsterna aŭ stulta.

— Tamen, ĉu estis aliaj sekvoj de la hidrogena bombo, kvankam ne alhazardis la hidrogena milito kaj pereo de la mondo?

La maljuna scienculo enzorge alrigardas siajn lernantojn kaj ekparolas:

— Jes, estis. Nu, ĉar vi min pridemandis, mi devas konfesi, ke, bedaŭrinde, estis gravegaj, eĉ terurtremigaj sekvoj el la nuraj eksperimentoj per atomaj kaj hidrogenaj bomboj. Tio, ke milionoj da homoj tro frue mortis pro la elradiado, kiel tion konstatis en la jaro 1958. la amerika scienculo Pauling, estis nepardonebla krimo kontraŭ la homaro. Tamen io multe pli terura postefikis.

Tre malfortaj, preskaŭ nerimarkeblaj elradiadoj, produktitaj dum la eksperimentoj per hidrogenaj bomboj, kaŭzis la ŝanĝsubiton en la genoj, t. e. en la heredfaktoroj de la organismo, ĉe granda nombro da homoj. Tra la tutaj 200 jaroj dis-are naskiĝadis infanoj spirite kaj korpe monstraj: sen la okuloj, sen la brakoj, sen la kruroj, sen la cerbo; la infanoj kun malnormala nervosistemo — idiotaj, frenezetaj, misperceptaj infanoj, kies prempezan sorton povis ŝanĝi nenia medicina scienco. Imagu do la mizeran vivaĉon de tiuj monstruloj, devigataj pasigi sian tutan vivon kiel kripluloj, malfeliĉuloj, blinduloj. Kune kun la gepatroj, tra la tuta vivo ili malbenadis sian sorton. Ili malbenadis la mishomojn, plenumintajn la hidrogenajn eksperimentojn. Ili malbenadis ankaŭ la konsciencon de

ĉiuj homoj, vivantaj en la tempo de la eksperimentoj kaj ne trovantaj en si eĉ tiom da homeco *por almenaŭ proteste fingromovi* kontraŭ la frenezo kaj malhomeco, surrulintaj la tragikan sorton sur la senkulpajn postgeneraciojn.

— Ho kiel nekredeble! — konsterniĝas la lernantoj.

— En la tiutempa mondo de frenezaĵoj kaj paradoksoj ĉio kredeblis!

— Ĉu vi bonvolus aldoni plu-ion pri tiu stranga mondo.

— Jes, rigardata el nia perspektivo, ĝi estis fakte stranga mondo. Anstataŭ unuiĝi sur ĉi tiu grajneta planedeto kaj per la kunkunaj klopodoj plibonigi sian vivon, la homoj estis disfenditaj en centon da ŝtatoj kaj ŝtatetoj. Oni prave supozus, ke jam disdividitaj en diversajn ŝtatojn, ili saĝe interhelpos unu la alian — por ĉies plibono. Sed, tute ne! Inter la ŝtatoj ĉiam bolvezikis rivaleco kaj strebado, ke la pli fortaj subjugigu kaj prirabu la malplifortajn. Eĉ militoj eksplodadis pro tio. Tial ĉiuj, kiel unu tuto, suferis nur malutilaĵojn. Anstataŭ konstrui en ĉiu opa ŝtato grenejojn, vest- kaj ŝu-fabrikojn, lernejojn kaj malsanulejojn — oni produktadis pafilojn, kanonojn, tankojn, hidrogenbombojn. Ĉion ĉi ja nur por hommortigo kaj detruo de valoroj, penŝvite kunkreitaj de la laborantaj popolamasoj.

Tamen la milito, kvankam la plej tragika, neniuokaze estis la sola stultaĵo de tiu epoko. Sed ĝi ankaŭ ne estis nur hazarda fenomeno. En tiu socio el unu stultaĵo regule elfadeniĝis serio da aliaj.

Konsideru ni nur la problemon pri lingvoj kiu, unuavide, havis nenian interrilaton kun la milito: sur ĉi tiu kosmero, tiuepoke, *oni parolis ne malpli ol 3000 diversajn lingvojn!* Kaj kiam la reprezentantoj, ofte eĉ de la tuŝnajbaraj landoj, kunvenis por ion diri, jen kiel tragikomedia bildo: ili ĉasgeste disbrakadis, grimacaĉis kaj

rikanis, kvazaŭ rendevuus estaĵoj el diversaj planedoj kaj serĉus la manieron por interkompreniĝi!

Inter la lernantoj disŝprucas murmuretoj kaj nepriskribebla primirado, *ĉar nutempe ja ĉiuj homoj parolas unu saman, al ĉiuj loĝantoj de la Tero kompreneblan, komunan lingvon!*

Tiame — daŭrigas la scienculo — vivis iu *Zamenhof*, kies spirito transvidis en la iom pli distancan posttempon de nia planedo, kaj tial li elfaris tre simplan kaj praktikan internacian lingvon *Esperanto*. Kredu aŭ ne kredu, tiam multaj lin opiniis — utopiulo!

Sed la malbono eĉ pli intensiĝis, ĉar la anoj de diversaj ŝtatoj, kaj precipe la anoj de diversaj lingvoj, sentis sin, unuj rilate al aliaj, fremdaj estaĵoj, membroj de diversaj »nacioj« sur nia liliputa universa polvero! Kaj la membroj de diversaj nacioj opiniis, ke estas ilia majesta kaj »sankta« patriota devo, konduti al la membroj de aliaj nacioj proksimume tiel inteligente kaj humane, kiel tiuj du futbalaj poragituloj, kiujn, ĵusete, vi priplezuris rigarde kaj aŭskulte.

Tial ne ŝajnu al vi strange, ke al la tiuepokaj homoj oni devis priargumenti la logikecon kaj konvenecon de iaj aferoj, ekz. ke estas pli prudente konstruadi domojn ol tankojn; pli bone vivi konkorde ol militi pereante por la interesoj de manpleno da egoistaj aviduloj; ke la aparteno al la *homaro* estas pli esenca ol la aparteno al la nacio, ktp., ktp.

— Kiel, do, niaj prauloj el tiu stadio de primitiveco traprogresis plue en la pli bonan estonton de la homaro?

— He, tio estus longeta rakonto, fakte, tuta romano, plena de ekscitaj ĉapitroj kaj aventuroj.

Tamen, se mi volus koncizigi la ĉefliniojn pri la pluaj evoluo kaj supreniro de la homgento, mi devus mencii, ke

jam en tiu epoko elmontriĝis ĝermoj de la nova mondo. Du faktoroj tiam elludis la decidigan rolon: ĝuste komenciĝis grandaj revolucioj — la bataloj por la socia justo kaj laŭplana ekonomiko de la mondo kiel tuto — kaj la ĝenerala fortostreĉo por ellevi la *klernivelon* de homoj.

Fakte la unua kaj la dua kunkondukis al la sama celo: plibonigi la vivon de la homo, ebligi al li la vivon de la libera, ĉiuflanka, harmonia kaj krea personaĵo, dignosenta pri sia misio de la sole homeca, pensipova estaĵo sur ĉi tiu planedo kaj en la Universo.

Ni ne pretervidu, ke antaŭ la tuta pripensema homaro de la tiutempa epoko estis neforgesebla merito de la mondgvidaj eminentuloj, ke ili komencis pli-plie dediĉadi la atenton al *kleriĝo kaj spirita altiĝo de la vastaj popolamasoj*.

Ĝi estis fakte historia renverso, plenuminta gravegan rolon por la progreso de la homaro kaj la plua fulmobrila leviĝo de homaj penso, menso kaj humaneco.

Fine, en la kreaj klopodoj oni ekkomprenis, kian influon enefikas la scienco, kun siaj alatingoj, en la homvivon kaj progreson de la mondo kaj, precipe, kian gigantan rolon ludas por la homoj la fakeduko, bazita sur la scienca fundamento. Tiam alvenis, nurŝajne nealfrapa, prospero, kiu postmontriĝis multsignifa por la tempopluo: sciencaj atingoj — dank' al pli trafa labororganizo — aplikiĝis en la ĝeneralan, edukadon ne sole de infanoj, sed ankaŭ de plenkreskuloj.

Resume, la plimulto el homoj ekvidis la tute simplan veron — la scio kaj eduko estas plej efikoplenaj potencoj de la mondo.

Ha, forpasis jam en senrevenon la malgajaj tempoj, kiam en iuj landoj la finstudintaj instruistinoj kutimis enoficiĝi kiel kelnerinoj. Por tiu servo (venenado al homoj per alkoholo!) ili estis pli bone salajrataj ol kiam ili, kiel

instruistinoj, edukadis novan generacion de la homa socio! Tamen oni ekvidis, kian multvaloran kapitalon prezentas por la homkomunumo la kolektivo el vilaĝaj-urbaj instruistoj kaj profesoroj. La homoj sinoferantaj al la plej majesta misio en la socio, al la misio de fakaj edukistoj por la junaj homaj estaĵoj. Nur tiam oni komencis pritaksi la instruistojn kaj profesorojn escepte gravaj kaj signifaj *kreantoj* kaj unuarangaj membroj de la homa komunumo. Al ili oni disponigis tion, kion antaŭe ili neniam havis sufiĉa — plej multflankan apoghelpon en la organiza, morala kaj financa rilatoj, riĉajn bibliotekojn, laboratoriojn, slojdofarejojn por lernantoj ktp.

La instruistoj, do, elprogresis en la plej klerajn membrojn de la komunumo. Ili estis — pezgrajnecaj el la universala scio — ja veraj vivantaj enciklopedioj. Ricevinte, ŝtatkoste, specialan superfakultatan klerigon, ili bone tralernis la fundamenton de sociaj kaj naturaj sciencoj, artoj kaj lertoj, kaj alproprigis krom la pedagogion kaj psikologion ankaŭ la filozofion, ekonomikon, sociologion kaj biologion.

Kiel iam, en la praeksa socio, oni taksis la socian rangpozicion de iu individuo laŭ la kiomo de la ĉekkonto en banko, tiel, temtempe, oni taksis la kulturgradon de homkomunumo laŭ la kiomo de fakklero kaj salajro al vilaĝa instruisto. La instruistojn tiam, vere, oni multe prikontingentis finance, tamen nekompareble malpli multe ol oni kontribuis antaŭe por kanonoj, tankoj kaj hidrogenaj bomboj. Sed eĉ tiu malmulto tute sufiĉis al la mondo por eksenti, post mallonga tempo, la bonefikon de klerigo kaj kulturo, racio kaj homeco kaj tieltiele de la plifeliĉa vivo por ĉiuj homoj.

— Nu, pardonpeton, — intermetis la plej juna lernanto — kio okazis do pri la boksistoj, futbalistoj kaj gloravidaj filmstelulinoj?

— Jen preskaŭ superflua demando. Ilian postan prihistorion en la iom plikultura homsocio vi povas trovi science prilaborita kaj aldokumentita en la »Sekcio por la psikologio pri primitivuloj« en nia populara »Muzeo de homaj mens-devojiĝoj!«. Ĝi estas, kiel vi scias, tiu palacego el 850 etaĝoj sur la herbejo apud la flughaveno por niaj interplanedaj kosmoŝipoj.

— Ĉu vi tamen emus montri al ni ian vicpluan instruan scenon el la vivo de niaj praavoj?

La maljuna scienculo ekpuŝas la turnilon de la aparato kaj la ekranon jam surfulmas terurega diseksplodo de hidrogena bombo super la oceana surfaco...

— Kanibalaĉoj... Elerupcias la lernantoj unuvoĉe.

La scienculo de la 280-a jarcento fermoturnas la aparaton.

Jam supertombas la silento...



En la muta nokta malfruo la stelbrilan ĉielon transflugas hela meteoro kaj min vekas el la meditado. Mian memoron trasubitas la vortoj de la franca astronomo Flammarion:

»Ho vi, bruaĉemaj gloraviduloj de l'hodiaŭo, vi, kiuj trapavecas la vivon en komikaj paradvestoj, kun amuzaj rangtitoloj kaj trudkoloraj ordenoj — nu, diru mem, kion opiniu la filozofo pri viaj efemeraj vantetoj, ekkomparante viajn knabaĉajn rivalaĵojn al la grandioza Kreaĵo de l'Universo, kuntrenanta nin ĉiujn en la komunan kosman destinon!«

# TRAGEDIO EN LA UNIVERSO

Ĉu ekzistas io pli tragedia ol la pereo de la mondo kaj la forekstermo de la homa gento?

Ekzistas ja.

Ĝi estas tiu korskua primitiveco de la blindfunkcia mekanismo, kiu minacas — *antaŭ la okuloj de ni ĉiuj* — puŝrenversi la timfebran homaron en la eternan mallumon de la Malekzisto.

Tiu ĉi primitiveco ofendas la plej grandan valoron de la Universo — la dignosenton kaj misicn de la homo kiel pensipova estaĵo en la Kosmo.

Tra la mistera krepusko kaj rulvolviĝo de densaj nuboj glitvenas malsupren al la surfaco de nia planedo giganta, fantazia fantomaĵo. Ĝi dronfalas pli kaj pli en la malcerton tra densa polvo, kiu, kvazaŭ nebula vualo, ĉirkaŭvolvas nian Teron. En la interno de la kosma ŝipo troviĝas estaĵoj el la malproksima mondo, el la stelara sistemo Alfa Centaŭri. Telemetraj aparatoj en la kosma ŝipo jam signalas: 200 metrojn sub ni troviĝas malmola grundo de planedo. Sed la universaj pasaĝeroj ĝin ankoraŭ ne vidas tra la dike volbitaj vitroj. Kun granda singardemo la ŝipo alŝvebas pli-plie ĝis fine la loĝantoj de la universa sistemo Alfa Centaŭri rimarkas tra la densa nebulo la malluman surfacon de tiel prisopirata planedo, la Tero.

La ŝipo jam malrapide ekankris sur la surfaco de la Tero kaj kelkaj alvenintoj, elŝipiĝinte speciale vestaĵitaj, surpaŝas la firman grundon de la planedo. Inter la unua grupo de la elirintaj estaĵoj estas Kemiisto, Geologo, kaj Astronomo.

Ankoraŭ en kelkmil-metra alto la Kemiisto konstatis, ke la konsisto de la Tera atmosfero konvenas ĉeftrajte por la strukturo de iliaj pulmoj, nur enestas tro da polvaĵo.

Surteriĝinte la pasaĝeroj eltiras el la ŝipo iajn instrumentojn, ordmetas ilin disare sur la grundo kaj tiam retiriĝas por cedi lokon al la Geologo, ĵus elpreninta aparaton sur la glacian grundon de la Tero.

— La glacio — deklaras la Geologo — estas dika unu metron kaj duonon! Ĉar pro la rotaciado de la planedo ni troviĝas ĉe la 42 grado kalkulante de tiu poluso, kiu estas forturnita de nia patrujo, tio signifas, ke la tuta Tero estas glaciiĝinta ĝis la ekvatoro. Cetere ĉiuj pasaĝeroj povas sendanĝere elŝipiĝi, ĉar subglacie estas firma grundo de la planedo.

Ĉiuj vojaĝantoj eltujas sur la malvarman, glacian kovraĵon de la Tero kaj inter ili jam ekestas vigla diskuto.

— Kiel do, endemandas la Biologo, ke tiu ĉi planedo estas dikglacia tutĉie, kio signifas, ke ĝi estas sen la vivo? Ĉu nia Astronomo ne asertis ja, kiam ni ekŝipis el nia patrujo antaŭ dekdu Teraj rondiroj ĉirkaŭ la Suno, ke sur ĉi tiu planedo nepre vivas inteligentaj estaĵoj?

— Jes ja, respondas la Astronomo. — Por ĉi tiu aserto mi havis multajn priargumentojn. Ni konstante kaptadis la radio-signalojn de sur tiu ĉi planedo. Ili ne identis al la radio-signaloj, ĉiutage alatingantaj nin el la Universo. Ni, vere, ne scipovis ilin deĉifri, tamen evidentiĝis, ke en ili estis elementoj de muziko kaj parolo. Sed iun nokton per nia granda teleskopo ni rimarkis kelkmil brilajn

signalojn. Ekŝajnis, ke iu disbruligis gigantajn signalfajrojn sur la surfaco de ĉi tiu enigma planedo. Jen klara pruvo por ni, ke sur ĉi tiu astro ekzistas raciaj estaĵoj, kiuj tiamaniere signalis al ĉiuj ceteraj raciaj estaĵoj tra la Universo, ke ili volontemas starigi kun ili la interkontakton. Nu, ĝi estis la unua planedo en la Universo, elmontranta signojn de la vivo kaj, ĉar nia teknika progreso ĝuste tiam permesis ekvoji tra la tioma distanco, mi proponis organizi ĉi tiun ekspedicion.

Cetere estis ĝi nia fundamenta, kosma devo — elserĉi estaĵojn al ni parencajn, renkontiĝi kun nia frataro en la senlima Universo, ĝin ĉirkaŭbraki kaj travivi senfinan ĝojon, ke ni trovis la raciajn estaĵojn en la Universo — la homojn.

Kaj nun, jen, la glacia nurdezerto kaj densa, mallumaĵa atmosfero. Ĉi-lasta estas al ni plej stranga! La atmosfero de la planedo estas tiel netravidebla, ke oni ne povas vidi eĉ la sunon, kvankam ja tagas. Tra ĉi tiu atmosfero neniaj signalfajroj estus videblaj el la observatorioj de nia planedo, La Racio, en la sistemo de la stelo Alfa Centaŭri.

La Astronomo pormomente enpensiĝas kaj, kvazaŭ ekdivene, terurpleniĝas:

— *Aŭ sur ĉi tiu planedo okazis io terurega!*

Post tiuj fatalaj vortoj de la Astronomo ekregas tomba silento.

Tiam ekflustro de la Biologo:

— Tamen ni ne perdu la esperon. Ni traesploru la ĉirkaŭaĵon, eble ni trovos iajn signojn aŭ postpruvojn pri la vivo.

Ĉiuj jam ekmoviĝis tra la premkrepuska regiono, paŝante sur la ripglacio kaj prujno, tra kiuj elturetas derompitaj rokpecoj. La irvice unua apenaŭ vidas la lastan

tra la densa polvaĵo, plene fornebulanta la Teran atmosferon. Ili aspektas procesio de esploruloj, devojiĝintaj en neĝblovado. Nur tiu nebulo, diference de la neĝblovado, fatale kvietas eĉ sen ventspireto. La universajn pasaĝerojn ekobsedas panikteruro — ili ekvojaĝis tra la malproksima vojo en malcerton, esperplenaj, kaj nun ilin ektimigis io nekonata, senesperiga. Kaj ĝuste, kiam kelkaj komencas okulesplore turniĝi kaj halt-halteti, iu el la pasaĝeroj ekkrias:

— Jen fosaĵo! Haltu jam, ŝajne fluujo de rivero!

Preskaŭ sammomente ektranĉas alia alkrio:

— Rigardu tien, volbaĵo super la rivero! La ponto! Alkunas iu esperfeliĉe inspirita voĉo.

— La ponto! Elĝemas forspire ĉiuj buŝoj. La koroj ekviglas en la espero: la postsigno de raciaj estaĵoj! Tamen — la homoj!!

Ili kurĵetiĝas al la ponto, ĉiu laŭ sia plejeblo. Ili ne havas eĉ tempeton por diri unu al la alia sian edifan penson:

»*La homoj!*«

Ĉiuj, kvazaŭ nur unu, trakomprenis ĝin eĉ senvorte.

Kvankam la ponto ne foras, ĝin tamen ne alĝisas ĉiuj sammomente. Al kelkaj falrisortas la genuoj pro ekscitiĝo kaj ĝojo. Nu, post la peniga kaj pridubata vojado, plena de supozoj kaj esperoj, post la vojado dis-distanca pli ol 40 bilionojn da kilometroj, eldaŭrinta tutajn 12 jarojn, ili renkontos nun la fratojn en ĉi tiu parto de la Universo! La unuajn raciajn estaĵojn, krom ili, en la konata Universo!

Al kelkaj deruliĝas ĝojlarmoj kaj ili eĉ ne vidas la ponton, nek la fluujon de la rivero. Al la aliaj ekscitiĝo kuntiras la gorĝon tiel, ke ekmankas la aero kaj tial ili postrestas malantaŭ tiuj, kiuj jam alĵusis la ponton.

Ilin ĉiujn travenkas la sento de varma, neesprimebla feliĉo. Tamen, do, ili renkontos unuajn raciajn estaĵojn en la Universo. La estaĵojn similajn al ili mem!

Sed la ponto alfantomas dezertece. Same dezertece ankaŭas la glacia nigreta pejzaĝo ĉirkaŭe. Tute glacia, kvazaŭ jam delonge nesurpaŝita de la homa piedo, la ponto alspitas la alvenintojn el la malproksima Universo.

Kaj tamen la ponto dub-nepermese pruvas, ke ĝin elkonstruis nepre raciaj estaĵoj, la homoj!

Vippelataj de misaj antaŭsentoj kaj ia frenezeta espero ili ekkuregas plu-plue sur la glacio, sub kies volbaĵo oni povas konjekti ŝoseon.

Eksubitas ekkrio. La atento fortujas al dometo, kiu tranebule siluetiĝas apud la glacia ŝoseo. Kunkurego al ĝi. Enĵetiĝo en la korton — nenie viva estaĵo. Nur la pordoj disoscedas. Paŝhezito. Timigas eĉ klakfrapo de la propraj paŝoj. Tamen enen!

Sed, entie — ve, teruraĵo!

Tri homaj kadavroj — sub la glacia surkovraĵo. La kadavroj de viro, virino kaj infaneto.

La universaj pasaĝeroj senvortas, ŝtoniĝas antaŭ la pordo de ĉi tiu familia tombujo. Vindataj de nebulo kaj rompvenkitaj de malĝojo ili staras, kvazaŭ statuoj, longe, longege. Kaj tiam, mirakle, alblovas venteto. La dompordo jam frapfermiĝis antaŭ la okuloj.

Nunmomente iu alrimarkas:

— Jen tie forete, apud la ŝoseo, kromas kelkaj dometoj.

En la unuan, kiun ili ĝisiris, enpaŝas la Biologo. Post momento li jam elvenas tiel pala, ke eĉ tra la plastaĵa masko oni tion rimarkas. Super lia ŝultro la grupo ekvidas du malgrandajn, enangule kunŝrumpintajn kadavretojn. Ankoraŭ kroĉteniĝas la manoj kaj la okulteruro elrigardas al la pordo de la kuntuŝa ĉambro.

Oni dispordas fenddisete. Sur la planko tordspasma korpo de virino, kies fingroj profunde enboriĝis en la okulkavojn.

Ekhalto. Ŝtoniĝo. Senvoĉe, senmove. La vizio pri la teruraŭgura tragedio jam ekpezas sur la animoj de la universaj pasaĝeroj.

Okulfikse al la ĉevojaj dometoj unua ekiras la Astronomo. Postsekvas ankaŭ la ceteraj. Ili envizitas kelkajn pluajn dometojn, sed ĉie alsamas la bildo: kadavroj, glacio, kadavroj, glacio...

Kunkune kompleta urbeto. En la arkivejo de magistrato ili malkovras, ke ĝi nomiĝis Vendôme kaj ke ĝi situas nemalproksime de la urbo Orleans en Francujo. La urbeto en la neforgesebla patroregiono de la poeto Ronsard. Rava vendoma pejzaĝo. La pejzaĝo de la poeta infanaĝo kaj unua junulado. La pejzaĝo, prikantita kaj eternigita en la varman lirikon el la delikata poeta animo — elfantomas dezerton sen ajna vivsigno. La dezerton, el kiu rikanas kadavroj de viroj, virinoj kaj infanoj.

Terurkonsternite la universaj pasaĝeroj interdemandas: »Kio okazis pri ĉi tiu mondo«... dume en iliaj oreloj reeĥas la misaŭguraj vortoj de la Astronomo. Sed nun neniu kuraĝas ilin ripeti.

Spronitaj de ia febra espero ili ekrapidegas al la proksimeta urbo Orleans. Terurego! La urbo — kelkcentmil da glaciiĝintaj kadavroj. Surstrate nuras kaoso el renversitaj aŭtomobiloj kaj veturiloj surŝarĝitaj per diversaj varoj. La pasaĝeroj ekvojas tra la ĉefstraton. Jen, survoje, la kadavro de plenkreskinto. En la brakumo ili ekvidas pakaĵon, ian ĉifonvolvaĵon. La Biologo paŝas al la kadavro kaj malligas la ĉifonaĵon. Huj, misfeliĉe! Se li ne estus ĝin tuŝinta! Antaŭ li kaj liaj kunvojaĝintoj elaperas infana kadavreto kun la manoj premspasmaj en la gorĝon, kvazaŭ helpkriante: aeron, aeron — vivon!

En la tuta urbo ili trovas neniun vivanta — nek hundon, nek katon, nek birdon. El aktoj kaj gazetoj, trovitaj tra la domoj ili ekscias, ke la tuta gazetaro avizis pri la danĝero de hidrogen-bomba milito, pri la danĝero de ekstermo al la tuta homaro.

La loĝantoj de la sistemo Alfa Centaŭri ne scipovas deĉifri la vortojn »milito« kaj »hidrogen-bomboj«. Feliĉuloj ili ne prikonas ilin.

La lasta dato sur ĉiuj gazetoj estas ĉiam la sama: la 27-a de Oktobro 1964.

Do, signifas la 28-an de Oktobro okazis sur ĉi tiu planedo ia eksterorda universa katastrofo.

Esplorante tra libroj, gazetoj kaj ĉiuj skribaĵoj, kiuj trafis submanen, la universaj pasaĝeroj konkludas, ke norde de la urbo situas miliona urbo Parizo, la kultura kaj politika centro de la ŝtato. Ili direktiĝas norden, esperante trovi tie iun postvivanton el la ses milionoj da homoj, kiom entenis tiam la urbo. Sed surloke de Parizo ili trovas nek kadavron, nek ruinon.

Glaciiĝinta lago, diametre ĉirkaŭ dudek kilometrojn, kovras la regionon, el kiu Parizo, tra tiom da jarcentoj, disradiigis al la mondo siajn brilajn spiriton kaj kulturon. Ses milionoj el la Parizanoj, kune kun la muzeo en Louvre, la Eiffela turo, la preĝejo de Notre-Dame, kun ĉiuj pontoj, fabrikoj kaj konstruaĵoj — estas transformitaj en disardan gason kaj polvon. De la centjara civilizo kaj kulturo postrestis nenio krom la muta surfaco de glacio, nun elsuperanta kiel simbolo de frenezula barbaraĵo. La korpoj de homoj kaj iliaj kreaĵoj, kune kun la korpoj de milionoj da homoj el aliaj urboj nun vagŝvebas kiel mikroskopa polvo en la atmosfero de la Tero kaj, netravideble forkurtenante ĉi tiun planedon, ili alvenigis *novan glacian periodon.*

Laŭvoje al Parizo la universaj pasaĝeroj preterpasas englaciajn skeletejojn — iam tio estis belaj kaj vervaj loĝkolonioj, kie floris feliĉa vivo kaj sonorilis rido de infanoj. Observante la fabrikojn, muzeojn kaj bibliotekojn de la trairataj urboj la pasaĝeroj jam elrikoltas sufiĉeton pri la teknika kaj kultura grado de la evoluo, alatingita de la iamaj terloĝantoj.

Deĉifrante la literaturon, ili trovtrafas la antikvan libron pri la Platona filozofio, bruldifektitan paĝon de la IX simfonio de Beethoven, la biografion kaj verkadon de Isaac Newton kaj la »Dian komedion« de Dante. La lasta trovaĵo estas la libro pri Albert Einstein kaj pri lia teorio de relativeco. Rigardante ĉi tiujn verkojn la alvenintoj el la Universo ekkonscias pri la vera grando de la tragedio, surplaginta la planedon.

Kiom alta mensa trafatingo de tiuj estaĵoj kaj nun ĉio — forpereinta en la senrevenon!

La Historiisto de la ekspedicio skrupule ekpenas por kolekti el detruitaj bibilotekoj, muzeoj kaj arkivejoj, faktojn pri la kataklismo, trafalĉinta la homaron.

Fine al ili ekproksimumas la bildo pri la lastaj momentoj de du miliardoj kaj duono de la homaj estaĵoj: la loĝintoj de ĉi tiu planedo elgrimpis sur la pinton de teknika evoluo — ĝuste unuaj kosmaj raketoj ekvojis por la konkero de la Universo kaj la ĵus malkovrita atoma energio proponis al ili la vivon en neimagebla bonstato kaj feliĉo. Sed tiu sama elatoma energio anstataŭ esti bonfaranto al la homaro, iĝis ĝia — tombisto.

Kiam la universaj pasaĝeroj jam tute perdis la esperon tamen trovi vivanton, la Historiisto ĉastrafis en iu gazeto interesan komunikon: en la landoj de la grandpotencaj ŝtatoj ekzistas subteraj urboj, en kiujn rifuĝos, en la okazo de la peratoma milito, politikistoj kaj altaj militranguloj.

Tujtuja interkonsultado sur la rubaĵoj de la Lumtura urbo. La alvenintoj decidas forflugi per sia universa ŝipo rekte al unu el la potencaj landoj kie laŭ la gazeta komuniko devus troviĝi ankaŭ tiaj subteraj urboj. Super la plej granda urbo de la mondo, pri kiu ili ĵus tiel multe legis, ili tamen ne flugos. Pri la sorto de ĉiuj grandaj urboj ili ne vartas nun eĉ ajnetan iluzion. Estas ja klarege, ke sur ĉi tiu planedo la kunekzisto inter la svarmohomaj urboj kaj la hidrogena bombo estis malebla.

La pasaĝeroj direktas sin al la ĝusta loko. En la koro de Rokaro, malproksime de pli grandaj loĝlokoj troviĝas la enirejo en profundan subteran urbon.

La unua paŝo — kaj jam tim-ekskuo: la pordo de la suburbo, en dezerta kaj senviva regiono, dislarĝe faŭkas.

Ili malsupreniras enen. Nuras mallumo, dezertas stratoj, disdisas objektoj. Nenie io vivanta. La alvenintoj ekkuras tra la mallumaĉajn stratojn, febroserĉe malkovrante vic-postvicajn galeriojn. Sed ĉie alteruras la sama sceno. Objektoj renversitaj senorde. Sur tabloj jen eklegita libro, jen gazeto apud brulstumpa kandelo. Evidente la loĝintoj de ĉi tiu urbo forpanikiĝis el la subtera rifuĝejo kun la subito, plane neantaŭvidita.

La pasaĝeroj tralaŭas la ĉefstraton. Ĉe la fino alobstrukcas vitra konstruaĵo. Sure literegoj: »La administrejo«.

Oni ekhaltas. Kelkaj eniras tra la disfaŭka pordo en krepusketan halon. Sur la planko disamasas papero. Eĉ sen nura postsigneto de la vivĵuso. Ankaŭ tiu konstruaĵo elfrostas tombecon.

La demando altrudiĝas al la vizitantoj:

»Kio do okazis ĉi tie?«

La respondo albaldaŭas el la taglibro de la suburbo. Ĝi ekvortas:

»La urbo Anti-H/I
La 5-an de Novembro 1964.

Hodiaŭ oni konstantis definitive, ke la eliro sur la tersufacon estas malebla — ĉiuokaze por nedifineble longa tempo. La atmosfero estas malpurigita ne sole per ereta, mikroskopa polvo, sed ankaŭ per neordinare forta elradiado. La tiomo de la mezradiado superas kelkoble la mortigan dozlimon. Ŝajnas, ke ankaŭ la malamiko uzis kobaltajn atomkernajn bombojn kaj tiel multfoje plifortigis la mortofrapan efikon de la elradiado.

La nutro- kaj akvo-provizoj permesas, ke la cent kvindek homoj, kiom troviĝas en ĉi tiu urbo, vivtenu sin unu jaron. Ni esperas, ke ĝis tiam la eliro sur la sufacon estos ebla.

La 1-an de Januaro 1965.

Forpasis du monatoj kaj neniu el ni vidis la sunon aŭ verdan herbeton, nek la iam malŝatatajn, kaj hodiaŭ tiel prisopiratajn polvajn stratojn de grandaj urboj. Forpasis du monatoj de post la tago, kiam ni vidis lastafoje la suraĵon de nia planedo. Ĝuste tiam ekleviĝis oriente kaj okcidente, norde kaj sude, sennombraj ŝprucfungoj el atomaj diseksplodoj. Tiam ankoraŭ ni vidis ravajn arbarojn kaj grenfruktajn valojn. Ni rigardis kun timfebro, — ĉu tio, eble, estos la lasta rigardo, kiun ni turnis al la plantoj kaj bestoj, la lasta rigardo, kiun ni turnis al la verdantaj kampoj de la Tero.

El la ekentuziasmo de homoj, el ilia decido elteni ĝis la fino, fakte, malmulto alnunis. La homoj iĝas mishumoraj, nervecaj, incitiĝemaj. Ĉiun obsedas tortura malcerto — ĉiu el ni pensas nur pri unu afero: kio okazos pri mi, pri miaj infanoj, pri mia familio.

Tag-al-tage plimultiĝas sinmortigoj. Malfacile jam priskribi kiaspecajn manierojn oni eltrovas por finrompi

ĉi tiun senesperan vivon. La faktoj, kiuj enfiltriĝas pri la sorto de la planedo, ĉiutage pli kaj pli mallumaj, senesperigaj. Supozeble okazis fundamentaj ŝanĝiĝoj en la strukturo de la atmosfero, ĉar la termometroj, mezurantaj ĝian varmon, ne plu indikas temperaturon superantan la nulon. Juĝante laŭ la kondiĉoj regantaj sur la surfaco, ŝajnas, ke ĝis hodiaŭ transvivis nur plej primitivaj plantaj organismoj.

Ĉi-nune, do, oni ekkomprenis, ke, verŝajne, ne elsaviĝis eĉ ni, kiuj rifuĝis en tiun ĉi submondon. Dezirinte por ĉiu eventualo fari al ni la malamikon komplete sendanĝera, ni elĵetis maksimumon da hidrogen-kobaltaj bomboj. Sed same tiel prirezonis ankaŭ la kontraŭulo. Kvazaŭ du kuracistoj prilaborus la saman malsanulon kaj ĉiu, sendepende de la alia, donus la maksimuman dozon de la sama medikamento. Nu, anstataŭ forliberigi lin el la malsano — ili lin mortvenenus.

Simile ankaŭ pri la hidrogenaj bomboj: la ĉiomo ĵetita de ĉiuj ŝtatoj trotrois por nia planedo kiel tuto. Laŭ ĉio juĝante la plimulto el la vivaj estaĵoj forpereis pro la elradiado, se ne tuje, tamen post mallonge. Kvankam, probable, sur la surfaco atendas nin malagrablaj surprizoj, pri kiuj en la nuna momento ni ne kuraĝas eĉ pensi, tamen ankoraŭ ni esperas, ke ni sukcesos iel nin vivteni post la eliro el la submondo.

La 29-an de Oktobro 1965.

Hodiaŭ, do, la lasta rifuĝtago en la mallumego de la subtera azilo. Morgaŭ ekmatene ni tridek, la solaj transvivintoj el ĉiuj, esperplene enirintaj antaŭ unu jaro en la teruran submondon de malcerto, eliros, finfine, en la taglumon. La instrumentoj montras, ke la elradiado do tamen malintensiĝis sub la mortefikan limon.

Ho, kiel sopirege ni atendas la morgaŭan tagon!

La 30-an de Oktobro 1965.

Post du horoj dispordiĝos nia subtera karcero kaj unuafoje post la senfina jarego ni revidos la taglumon, la lazuron de ĉielo kaj elĝuos satspire ankaŭ la freŝan aeron!«

Jam la lastaj literoj de la postsoluloj, transvivintaj por unu jaro sian frataron, la tutan homaron. Kian ja surprizon ili trasuferis, kiam alvenis la tiel arde prisopirata evento — la pordmalfermo de la submondo: anstataŭ la ĉiellazuron ili ekvidis mortminacan nigraĉan nebulaĵon el mikroskopeca pulvoro; anstataŭ la taglumon — densan noktan eternon; anstataŭ la freŝa aero — ilin eksufokis submordema polvaĵo, ekkirlita per hidrogena ĥaoso...

Tra premkrepuska pejzaĝo vagrampaĉas fantomece elsuĉitaj ombraĵoj de la lastaj homoj. Ĉiupaŝe ili vidas fatalajn rezultojn de sia eksfrenezo. Sed apenaŭ nun, kiam antaŭ iliaj okuloj la elradiado kaj kadukiĝo forfalĉas en mortbarakton la lastajn membrojn el la familioj, iliajn edzinojn kaj la proprajn infanojn, apenaŭ nun ili trakomprenas la tutan teruregon de la kosma kataklismo.

Ili rifuĝis sur la tersurfacon kaj trovas sin kvazaŭ en la ŝtonepoko: nenie herbeto, nenie grenero; nenie laktobovino, nenie plugĉevalo. La ŝtonepoko eksuris tra la glacia, pez-malluma dezerto!

La ŝtonepoko? Eĉ pli kruele!

Nutraĵo en la subtera urbo ne plu estas. Tersurface eĉ malpli. Do, ili dorsŝarĝas kelkmalmulte da nutroladujoj, ankoraŭ postrestintaj, kaj senparole ekvojas.

Kien do? — en la mallumon. En la senesperon.

Serĉvage kaj falpaŝete en la nebula krepuskaĉo, tra dezertaj, glaciiĝintaj kampoj ili, fine, alvenas al neloĝataj vilaĝdometoj. Kelkaj tuj alkaptas ŝpaton kaj ekfosetas en malmolan glacian grundon. La manoj, nekutimintaj

labori, multpene premŝovas en la malvarman, glacian grundon la lastajn grenerojn. Kaj jam elĉerpite ili kuŝiĝas apud la tiel elkultivita peceto da tero espertrompe viziante, ke ili ĝisatendos la momenton, kiam el la grundo elĝermos la verda trunketo de la nova vivo.

Sed en la profundo de la animo ili mem konscias tion frenezula iluzio. La tero ne plu povas alprotekti varmon en la grensemon.

Neniam plu sur la kampoj de la tero ventbabile eksusuros la verdaĵoj de vivo!

La sorto de la tuta vivo sur ĉi tiu planedo estas jam verdiktita... Ankaŭ la lastuloj ne povas foresceptiĝi el la eternaj leĝoj de la naturo.

Krom la nutromanko ilin surplagas ankaŭ aliaj turmentoj: vivante en la polvera aero ilin ĉiujn brulraspas bronkito kaj inflamo de mukozoj. Kaj la nura ladnutraĵo sen vitaminoj, livereblaj sole de la verda planto, alsuferigis senvitaminecon. La skorbuto disfuriozis inter la lastaj ŝipdronantoj sur nia planedo.

Sed tio, tamen, estis ja ne la plejteruro. Io kaŝinside eksieĝis — tra la atmosfero, el la terprofundo, ĉiuloke — ĉiege. Estis tio la elementoj kobalto kaj stroncio, elaktivantaj mortfalĉan disradiadon. La homaj korpoj falcedis sub la finofrapaj radioj. Ĉe tiuj, kiujn ankoraŭ ne pereigis la senpera tra-efiko, la radioaktiveco postlasis neelkuraceblan heredaĵon — la malsanegon: leŭkemio.

La mizeran kaj korpe ekputran poststumpon el la homgento suratakis ankaŭ diversaj psikaj krizoj. Longa restado sub la tero en dubmordo, la elrifuĝo sur la surfacon kaj la sencela sorto, embuskanta tie, alefikis siavice. La homoj iĝis pezhumoraj, apatiaj; havante neniajn perspektivojn por la estontaĵo ili ekkapitulacis antaŭ la fatalo. Dume konscienco brulturmentis, ke ili sin faris kunkrimuloj por la tragedio de la propraj infanoj kaj familioj.

Ĉio ĉi elkondiĉis neeviteblan psikan malordon: jen ili glitis en panikon, senvolecon, malesperon, jen ili subcedis al frenezulaj decidoj. En tia misstato multaj alaplikis sinmortigon, sed antaŭe ili mortigis la proprajn infanojn por mallongigi ilian lastan torturiĝon.

Al tiuj, kiuj traplue vivadis la spirita misstato malebligis normalan vivmanieron, akcelante la proceson de ilia neelkuracebla malsano.

Malrapide kaj senkompate premdensiĝis la vivkrepusko super la planedon Tero. Fine la morto venis kiel rekompenco ankaŭ al tiuj kelkuloj, kiuj antaŭ unu jaro tiel senrespondece kaj facilkonscience dissemadis ĝin sur milionojn da senkulpaj homoj.

*Morto de la lasta homo*

Atomeksplodaj brilegoj ankoraŭ fulmovojis tra la universajn disvastojn renkonte al la stelo Alfa Centaŭri, kiam en iu tervalo, apud la fonto de varma akvo, mortadis la lasta homo. Estis tio diplomato, la »mondekspertizisto« pri la »ekstera politiko« — alie la direktoro de potenca trusto kaj dislarĝe konata kiel unu el la plej persistaj entuziasmuloj por la politiko de perforto kaj apliko de hidrogen-bombo. Apenaŭ nun, ĉe la morto, tiun ĉi diplomaton tralumis fajrero de prudento kaj li ekdemandis sin mem: »Ĉu ĉio ĉi estis al ni necesa? Ni ja povis tiel komforte vivi, vivi en la rondo de nia familio, inter niaj infanoj. Jes, ni povis — kaj tamen ne plenumis. Pro kio ne? Kial?

Ni interkredis nenion unu al la alia. En ĉies paŝo oni vidis nur trompruzon. Kaj tamen en la animo, almenaŭ ĉe la fino de tiu priatoma konkurego, ni deziris pacon. Ni ĝin aspiris, sed ni ne plu scipovis trovi la elvojon al ĝi.

Ni elbatalis la interpolitikon en nodkomplikitan situacion, la situacion, kiu ne toleris kompromisemon. Ni produktadis pli-plion da hidrogen-bomboj, pretendante la sinpravigon, ke nur tiel ni elgardos la »ekvilibron« en la mondo. Kaj same faris ankaŭ la malamiko. Ni kurĵetiĝis, senkontrole, senhelpe, kvazaŭ blinduloj, en la abismon.«

En la momentoj kiam oni renkontas la neeviteblon de morto, oni kutime ekmeditas pri la feliĉa »io, kiu povis okazi« — sed ne okazis...

Kaj nun la diplomato prirememoris la leteron, ricevitan de la infanaĝa amiko unu jaron antaŭ la katastrofo. Tiu kolego elfinis la studadon pri atomfiziko kaj iĝis altreputacia ekspertizisto en sia fako. La du amikoj ne intervidiĝis dum jaroj. Kaj tiam, iun tagon, alsubitis letero de la malnova, lerneja kamarado:

»Kara amiko,

Ĉu vi rememoras la printempon, kiam ni kurlaŭis la kotvojeton ĉe la rando de ĵus ekverdeta arbaro; ĉu vi rememoras la vintron, kiam neĝeroj disknaretis sub niaj piedoj kaj niaj plandpremoj interplekte kundirektiĝis tra la brila, blanka tapiŝo el ros-neĝeto? Ĉu vi rememoras la briltagojn de nia junaĝo, la tagojn, kiam ni estis infanoj kaj neniaj mondproblemoj nin turmentis? Mi ĉion ĉi memortenas kiel plej belan epokon de nia vivo. Admirindaj estis tiuj tagoj de la libera kaj disbrulema infana fantazio, kiam ni dirkutimis: Ho, kiel rava la vivo, ho, kiel rava la mondo! Mi rememoras kun kia timtremo ni legis la artikolojn pri pereo de la Tero kaj homaro. Ni diskutis pri la militmonstraĵoj kaj interdemandis: ĉu la homoj povas neniel alie interkonsenti! Ni revis, ke ĝuste ni estos tiuj, kiuj interpacigos la homon kun la homo. Ĉu ankoraŭ vi memoras la citaĵon el H. G. Wells, kiun ofte mi menciis al vi: ... estas apenaŭ iaj 70 generacioj nin dividantaj de

Aleksandro la Macedonia. Kaj de ni ĝis la praavaj sovaĝĉasistoj, kiuj fajroflame rostis sian nutraĵon aŭ manĝis ĝin krudan, estas apenaŭ iaj kvar- aŭ kvincent generacioj. Iu speco ne povas radikale ŝanĝiĝi tra kvar- aŭ kvincent generacioj. Se viro aŭ virino envie ekpasias, se io ilin ektimigas, se ili ekebrias aŭ koleriĝas, jen tiuj samaj ardokuloj de la kavernulo eĉ hodiaŭ alfajreros nin. Ni scipovas skribi kaj lerni. Ni disponas la sciencon kaj la potencon. Ni malsovaĝigis bestojn kaj dratbridis fulmon. Tamen ankoraŭ ĉiam ni falpuŝiĝas sur la vojo al lumo. Ni malsovaĝigis kaj edukis bestojn, sed nun ni devas malsovaĝigi kaj eduki nin mem...

Ambaŭ ni sciis tiam, ke ni solaj ne povas fari multon, sed enanime ni prisopiretis, ke aperu iu nova Gauthama por disŝuti la semojn de amo kaj humaneco inter la homojn, venenitajn per malamo.

La jaroj nin disigis, amiĉjo mia, tamen mi esperas, ke vi ne forgesis la feliĉajn tagojn, kiam nia disbrula fantazio kutimis leviĝi en eterajn sferojn. Bone mi memoras, kiel nin deprimis ĉiu nova ekscio pri la laŭfakta ordsistemo de la mondo, pri ĝia mizero, pri la pasioj ĝin tiranantaj! Kio, vere, ni estis tiam? Ĉu ne la kvazaŭkarniĝo de la Voltaire-aj herooj Zadigo, Naivuleto, Scarmentado kaj Kandido, ĉu ne la naivuloj esperantaj trovi ian mondon ordita laŭ la leĝoj de logiko?! Sed renkontante la krudan realon ni alvizaĝis la sinsekvon de nelogikaĵoj kaj paradoksoj. Senreviĝoj akompanadis nin kroĉpaŝe en la maturiĝon kaj ekde tiam mi pli kaj pli melankoliis pri la tagoj, kiam la ĉielo ridlazuris kaj la Tero disetendis al ni sian ĉirkaŭprenon.

Ankaŭ hodiaŭ estas multaj estaĵoj en la mondo, kiuj en la junaĝa vervo rapidegas sur la vojoj de feliĉo, la estaĵoj, sub kies piedoj disknaretas neĝeroj kaj kiuj opinias ĉi tiun mondon la plej bona el ĉiuj eblaj mondoj (kiel ja

sugestadis doktoro Pangloss al Kandido). Sed ili ĉiuj iras renkonte al la tagoj, kiam iliaj puntecaj kaj delikataj iluzioj disrompiĝos sub krudleda boto kaj — ili eksklavos por fari tion, kion antaŭe ili opiniis malinda kaj naŭza. Venos la tagoj, kiam oni truddevigos ilin mortpafadi fratojn, la homojn. Pravas ja Wells . . . ĝuste nun ni devas eleduki kaj malsovaĝigi nin mem! Hodiaŭ troviĝas multaj homoj en la mondo surprenintaj la devon plenumi tiun taskon. Ankaŭ mi aliĝis al ili. Estas tio famaj sciencistoj kaj publikaj aktivuloj. Ili ĉiuj volas, ke la junularo restu nedisigeble kroĉligita al siaj vizioj ĝis la fino de la vivo. Vivu la junularo en la paco, sen la timo pri militoj. Kaj ĝi lernu kompreni, ke la vorto Homo elsencas: fraton kaj amikon, kaj ne malamikon kaj ekzekutiston. Ni ekspitis, ke la posttempulo ne plu portu sur siaj ŝultroj la tutan moralpezon el la anekdoto pri ŝiprompiĝinto, kiu, elnaĝinte sur la bordon, pro timo pri sovaĝuloj, saltforkuris en la landinternon. Apenaŭ tiam, ekvidinte ŝoseon kun la apudstara pendumilo kaj sur ĝi pendpendola homo, li timperde ekkriis: dank' al Dio, jam mi estas en la civilizita lando!

Estas brulurĝa limtempo, ke oni entreprenu ion por la afero de paco en la mondo. Sed kvankam hodiaŭ ni partoprenas en la ellaborado de armilaro, ni solaj, sen vi, ne povas atingi tiucele ion gravan. Tial, do, mi petas vin, afablu viziti min post dek tagoj.«

*

La salonego pli kaj pli pleniĝas. Antaŭ komenco de la kunveno la politikisto elŝancis nur konversacieton kun la amiko el la junaĝo. Disbolis ekscitiĝo, ĉiuj jam senpaciencas pri la komenco de la tagordo. La podion baldaŭ surpaŝas unu el la plej maljunaj scienculoj en la atomista rondo.

»Karaj kolegoj, amikoj ... preskaŭ mi dirus kunkulpuloj« — ĉe la lastaj vortoj de la grizhara scienculo la salonegon traregas plej intensa tombomuto. — »Al ĉiuj estas konata la tragika sorto de la japanaj fiŝkaptistoj. Ni scias, ke eĉ hodiaŭ mortas homoj en Hiroŝima pro la sekvoj de la eksplodo en 1945., kaj al ni ne estas sekretaj ankaŭ la sekvoj, kiujn la nuntempaj eksperiment-eksplodoj enefikos ankaŭ sur la postgeneraciojn. Ni hodiaŭ laboras, kiel vi ja scias, super la projekto de la kobalta bombo. Neniu el ni dubas kiel terurpotenca estas ĝia disdetruo. Krom tio, ke ĝi povas, en sekundereto, transformi ĉiun urbon kune kun ĝiaj loĝantoj en ardigitan gason, ankaŭ ke ĝia radiado elaktivus mortofalĉon eĉ sur la areo de kelkcent kilometroj. La registaro metis antaŭ nin la planon, laŭ kiu ni devas produkti du mil tiajn bombojn.

Ĉu vi konscias, amikoj, kion ni faras produktante ĉi tiujn bombojn? Ni fariĝas murdistoj al la homaro! Ĉar du mil bomboj sufiĉegas por detrui ĉion vivantan sur ĉi tiu planedo. Kaj ni, sendube, ne deziras esti aŭtoroj kaj kunkrimuloj de tiel universala tragedio. Tial mi proponas nun, ke ni tuj haltigu la laboron kaj ekpostulu de la registaro ĉesigon de la eksperiment-eksplodoj. Tio estus la unua paŝo al la mondpaco.«

Ĉiuj ĉeestantoj unuanime akceptas la apelacion de la grizhara scienculo...

Lastaj meditoj ekinsistas tra la kapo de la politikisto:

Sed mi nur silentis. El la kunveno mi iris rekte al mia amiko, la ĉefinspektisto de sekreta polico kaj elrakontis al li la tutan aferon.

Tiam mi revenis hejmen kaj atendis la tagon, kiam komenciĝos la juĝesploro. Ĉe la juĝesploro mi estis la ĉefatestanto. La proceso estis sekreta. Oni kvalifikis la faron de mia amiko ŝtatperfido. Li respondadis viclaste

antaŭ la komisiono. La prezidanto patose elverdiktis al li: »Vi estas kondamnita kiel perfidulo de via patrujo!«

La amiko, fiksinte al mi la penetran rigardon, responde koncizis: »Vi kondamnas min perfidulo. Mi plenumis nur mian devon al la homaro. Kaj al kiu vi plenumas vian devon nun, kiam vi verdiktas pri mi? Vi forkondamnas min en la nomo de la »patrujo«. Hodiaŭ, antaŭ la danĝero de la ĉioampleksa hidrogen-milito, ne estas, nek povas esti, alia sorto por mia patrujo ol tiu de la tuta homaro. Mi faris mian devon al la homaro kaj per tio mi plenumis por mia patrujo la plejon, kiun mi prieblis. Sed en la nomo de kiu kaj de kio, vere, vi forkondamnas min? Vi silentas. Klare al mi kial. Fakte, vi mem estas perfiduloj. Jes ja, vi mem, ĉar vi perfidas la homaron, do ankaŭ — la patrujon.«

Prirememorante nun ĉion ĉi la diplomato en la momento de la morto tamen devas konfesi:

Tiam mi ne komprenis la pezon de la akuzo. Hodiaŭ mi ĝin komprenegas. Hodiaŭ, kiam ja malfrue! Apenaŭ nun mi vidas kiel misvaloraĉa estis la sensignifa malkonkordo inter la homoj sur nia planedo kompare al ĉi tiu senlima tragedio de ni ĉiuj.

La politikisto, do fine, tamen elspertis, ke ĉio, kion li faris, estis monstra kaj superflua sensencaĵo. Li ekvidis ke la liaspecaj homoj ne posedis sufiĉan prudenton por pridoti la mondon per pli bona sorto. Tamen la politikisto ne konsciiĝis pri io alia. Io pli profunda, pli homeca! Por la mondsavo tiam ne estis necesa ia superprudento — sufiĉus nureto da sento, ardeto de amo al la homo.

La diplomato tion ne elkomprenis eĉ en la momento de la morto . . .

Kompreneble, la tiaspeca homo ne povis prifidi iun ajn en tiu ĉi mondo. Konante nur sin mem, li supozis ĉiujn aliajn homojn samaj. Li tute ne povis kredi, eĉ ne

imagi, ke en la animo de aliaj homoj povus ekzisti io alia — io al li plene malpropra, fremda. Io ekster la kaptopovo de liaj krudaj intelekto kaj spiritagordo...

Tamen en la manoj de tia homo kuŝis la sorto de hommilionoj!

En la lastaj momentoj de la niamonda ekzisto, rigardante senhelpe kaj timfebre kiel neeviteble alproksimiĝas la plejteruro, la simplaj homoj premboris al la diplomato kaj liaj samprofesiuloj la demandon:

»Ĉu, do, eblas tia frenezaĉa tragedio? Ĉu, vere, ne ekzistas la travojo el tiu ĉi idioteca situacio?«

La diplomato povis nenion alian ol redire papagi:

»Nu, kio ja farebla pri tio? — se ni ne venkobatos la malamikon, li venkobatos nin...«

Kian alian respondon eldemandu ja la simplanimaj homoj de la viro kun tioma spiritamplekso kaj tia morala karaktero! De la estaĵo sen saĝlumo kaj konscienco, kiu nenian ellernis aŭ prikonis alion ol la »altskalajn« diplomatajn superruzojn. Fakte: vulgarajn artifikojn kaj insidojn, troveblajn nur en la stratbanditaj kodoj de plej aĉa kvalito.

Sian parazitan rolon en la sana homkolektivo, vere, nia diplomato ĉiam faklerte tegis en edifajn frazojn pri la intereso de »nia amata kaj sankta patrujo«...

*Sed la »amata kaj sankta patrujo« estis lia postenrango kun la krudaj egoistaj interesoj. Nenio ja alia.*

Humaneco kaj kreado en la mondo valoris al li kiel al la surdulo — muziko.

Cetere, jam la antikva filozofo Sokrato antaŭ pli ol du mil jaroj elindignis vipecan riproĉon: neniu pridubetas, ke eĉ por la eduko de hundoj nepras fakulo. Kiel do, ekprotestis Sokrato, povus kompetenti pri la ŝtatregado kaj la popolsorto iuj nur pro tio, ke ili alruzis bridkapton de la regpovo?

Oni ne povus aserti, ke sur nia planedo ne estis homoj, konantaj tiun ĉi pripenson. Eble estis plej tragike kaj plej fatale por nia tuta civilizo kaj monddestino, ke *ĝuste la altspiritaj homoj, kiel unu tuto, elmontris en tiuj plej krizaj momentoj de la historio malpli da socia kaj organiza aktiveco, ol la manpleno da senmensaj kaj senkonsciencaj homoj!*

Ĉu la dirĵuso estas nur io — »tragika«?

Ne!

Neniel nur io tragika.

*Sed la plej peza krimego, iam ajn vidita en la Universo!*

*

La loĝantoj de la sistemo Alfa Centaŭri kunkolektadis tra nia tuta planedo dokumentaron pri la vivo de homgento. Aparte logis ilian intereson la cirkonstancoj, kondukintaj en la definitivan tragedion.

Kaj ili trovis tre multe da interesaj faktoj. Kvankam ili primiris plur-ion, tamen unu afero restis netrakomprenebla: ili elkalkulis, ke ĉiuj ŝtatoj de la mondo elspezadis, pojare, minimume 200 miliardojn da dolaroj por armiĝo — por pafiloj, kanonoj, tankoj, militŝipoj, bombaviadiloj, atom- kaj hidrogen-bomboj.

*Ducent miliardojn da dolaroj!*

La alvenintoj de la planedo Racio elkalkulis, ke per tiu ĉi sumo oni povus, ĉiujare, finkonstrui 80 milionojn da domoj, elkudri 10 milijardojn da vestoj, elbaki 2 bilionojn da kilogramoj de pano aŭ aĉeti 3 bilionojn da litroj de lakto!

Dume milionoj da loĝantoj de la Tero panmalsatis, estis vestaĉaj, ŝu-mankaj, senloĝejaj kaj urĝe bezonantaj pli indan vivon. Tamen ili neniam sukcesis alŝanci tiujn elementajn kaj plej nudajn vivnecesaĵojn. Kurbpremegis

ilin la impostoj kaj altaj prezoj de plej gravaj vivartikloj, la prezoj plialtigitaj por tordelpremi el ili en la armiĝon de la mondo la naŭzan sumon de 200 miliardoj da dolaroj...

La homoj penegis, la homoj sangŝvitis kaj — mizerulaĉis. Oni, rekte, tirŝiradis for de la buŝo, derabis el la pen-akiraĵo kaj martirgajno.

Kial ja? — *Por ebligi ilian propran memmortigon!*

Jen, tion ja neniel povis kompreni la alvenintoj de la planedo Racio.

Nu, ĉu mirige, ke ili ne povis tion kompreni?

Esplorante la pluan eventofluon sur nia planedo, la alvenintoj trov-altrafis neordinarajn faktojn pri la lastaj tagoj, antaŭirintaj la mondpereon.

En la arkivejo de la ĉefstaboj de diversaj ŝtatoj ili elĉerpis ankaŭ la jenajn faktojn:

En la monato marto, 1958, preskaŭ jam elerupciis la katastrofo — aro da meteoroj transarkis la regionojn de Arktio kaj enflugis la vidkampojn de radarstacioj en unu el la ĉefŝtategoj. La ĉefstabo eksupozis, ke jam ekflugis malamikaj transkontinentaj superraketoj. Ĝi tujege elalarmis en la aeron sian tutan aviadilaron, pezŝarĝitan per hidrogen-bomboj. La flugdirekto — trans Arktio super la »Atakujon«! En la lastega momento, kiam la aviadiloj jam formalproksimis al la limoj de »Atakujo«, oni konstatis, ke tio ne estis la malamikaj superraketoj kaj la aerfloto estis forordonita en la returnon. Post la aventuro la alia flanko diskrete avertis:

»Nu, kio estus okazinta, se ankaŭ ni miskomprenus kaj eksupozus, ke la aviadilaro celintencas surataki nin kaj se ni pafĵetus niajn longdistancajn superraketojn aŭ elsendus la aerarmeon por barobstrukci la atakonton. Ili sendube ne preterevitus unu la alian... Tiuokaze ekflamus la milito kun la mondkatastrofo!«

En aprilo 1958 la historio ripetiĝis. La radarstacio ĉe la limo de alia ŝtato alavizis sian potencan aliancanon, ke kontraŭ ĝian teritorion flugas formacio el kelkmil flugraketoj. Kion do oni entreprenu? La ĉefstabo de la aliancano redepeŝis: observu kaj provu identigi la specon de la flugobjektoj. Silento ekregis kelkajn minutojn. Nova komuniko jam albaldaŭas la ĉefstabon: la limo transflugita!

Pereo ekalternativis la sorton de la mondo: nura malfrueto — tutplena ekstermiĝo. La fingro jam ekpendis super la prembutono kaj la tragedio super la tuta homaro. Tiam lastmomente: Nur *anasa* flugantaro. La radarobservinto misjuĝis pri la amplekso de la objektoj...

Se oni ne rimarkus en kelkaj lasturĝaj minutoj la fatalan eraron, sur »Atakujon« estus pafĵetitaj kelkdek hidrogen-bomboj. Aŭtomate jam postflugus el la ekpanikaj rivalŝtatoj miloj da aviadiloj kaj raketoj kun hidrogenbomboj por ĉiuj grandaj urboj kaj industriaj centroj de la mondo!

*Jen, tia stato estis jam en aprilo de 1958.*

Plue la afero disvolviĝis frenezrapide. En ĉiuj ŝtatoj de la aliancaj rivalblokoj estis instalitaj katapultoj por la transkontinentaj balistikaj ĵetdetruiloj. Ĝis la jaro 1962 ambaŭ blokoj disponis pri grandaj amasoj el celprecizaj raketoj kaj miloj da hidrogenbomboj. Ĉiu urbo aŭ ŝtato povis esti tiun jaron batplatigita al la Tero en la tempeto de *kvaronhoro.*

Antaŭe aviadilaro bezonis kelkajn horojn por elhajligi sur pliforajn ŝtatojn ŝarĝegojn da hidrogenbomboj. Raketoj, male, atingas el Eŭropo al Ameriko kaj inverse — dum kelkaj minutoj. Sed la plejdanĝero minacas el tio, ke la aviadilaron oni povis ankoraŭ haltigi per la radio, elkonstantinte meteorojn aŭ eraran alarmon pro misjuĝo, *sed la raketo foje elpuŝita ne plu reveneblas.* Tuj kiam oni

butonpremas por raketĵeto — la sorto de la mondo jam finsigeliĝis: la kontraŭulo opinios tion komenco de la tutampleksa alatako. Sed, ĉar li ankoraŭ disponos kelkajn minutojn por elradari la alproksimiĝon de la raketoj kaj same butonpremi por siaj raketoj, li pereigos ankaŭ la atakinton mem.

Pro iu simpla teknika misjuĝo (ekz. simila al la konfuziĝo pri la meteoroj aŭ anasoj) povos eksplodi la ĝenerala katastrofo, kvankam tion ne plu deziros ne sole la simplaj homoj, sed eĉ ne la ĉefuloj de la hidrogenaj grandpotencoj.

En tiaj fatalaj momentoj de la historio la mondsorton ne plu pridecidos la homprudento, sed la nekontroleblo de hidrogen-bombo. Vere, la homo kreis la hidrogenbombon kaj li regas ĝin kiel fizikan fenomenon, tamen la hidrogen-bombo, kiel socia fenomeno, nerezisteble ekregis super la homo kaj lia sorto.

Kiel klarigi tiun paradokson?

Armilaro jam estis tipa rimedo por produktado: lanco, pafarko kaj sago servis al la sovaĝulo por la akirado de nutraĵo. Armilaro, do, estis la rimedo por produkti morton, por ke la homo povu — vivi.

La historio alinstruas, ke la progreso de tekniko, pli precize la progreso pri produktiloj, ĉiam antaŭtempis kaj diktis la postformojn kaj la evoluon de socia sistemo. La postresteco de la sociordo malantaŭ la progresintaj produktiloj regule signifis — revolucian gravediĝon.

La hidrogen-bombo estas la lasta, la plejsupra grado de teknika progreso, esence, de la produktilo.

Eltialas la nerefuteblo, *ke oni ne povas imagi*, ekzemple, *la kunekziston inter la milionaj urbegoj kaj la hidrogen-bombo*. Sed, la antagonismo inter la hidrogenbombo kaj la soci-politika ordo de la mondo estas eĉ pli profunda kaj pli komplikita. La hidrogen-bombo estas io

nova, specifa, ĝi estas *universala* rimedo por disekstermo. Ĝia »teknika« frapatingo estas la *mondtuto,* kaj ne *apartaj* sociaj kategorioj aŭ opaj ŝtatoj.

Kaj la mondo estas disdividita en la rivalecojn kaj centon da ŝtatoj!

La dispaŝo estas pli ol evidenta: la soci-politika disdividiteco de la mondo, kiel anakronisma sociordo, ekkoliziis kun la kolose progresinta tekniko.

Kaj tiel la hidrogen-bombo kiel socie nebridebla potenco ekdespotis super la sorto de l' homo.

Dume en la antaŭaj historiaj etapoj la travojo el la krizo povis esti revolucio, nun, en la tute novaj kaj specifaj kondiĉoj kiel la travojo el la ĝenerala krizo minacegas — la mondpereo!

Kion do oni faru? Ĉu eble supervenki tiun tragikan antagonismon en la krizo de la nuntempa socio?

Tamen ja! Se ĉiuj homoj tra la mondo, en neprokrasteble tujega tempolimo, radikale ŝanĝos multajn el siaj gvidideoj. Jam brulurĝas por trasencigi la konceptojn kaj la procedojn en la prikomprenon, *ke la mondo povas pluadi nur kiel unueca tuto.* Kaj antaŭ ĉio nepras pripensego, ke en la nunaj krizaj febrospasmoj ĉiuj homoj havas ion komuna — ion biologian, praan kaj plej gravan — la nudan vivon!

Elementa fortego estas blinda. Ĝi konas nur unu vojon — senkompate ĝi nin laŭtrenas en abismon.

Elementan fortegon ne haltigas larmoj. Nek vekrioj, nek preĝoj. La sola potenco, kiu povas ĝin luktovenki estas — la racio.

Ĉu permeseble ne konscii pri la seriozo de la nunego. Neniun inspiru la trompiluzioj, »ke ĉio ĉi ja, per si mem, solviĝos«.

Per si mem solviĝos nenio.

NI devas tion solvi!

Baldaŭege ja.

Ĉar de kiam la ĉefŝtategoj posedas transkontinentajn raketojn frapnuras la certo:

La pulvomeĉo de pereo jam ekflamis sub niaj piedoj!

La sola malcerto: kiom ĝi longas...

*

Dum tiuj lastaj tagoj antaŭ la katastrofo la mondo vivis kvazaŭ en frenezulejo. Gazetaro, ĉiutage, presigis informojn pri la instalado de novaj katapultoj por raketoj, pri novaj eksperimentoj per pli-pli detruaj kaj teruraj hidrogen-bomboj. La politika situacio ĉiam pli graviĝis. La homoj travivetis en febropanika malcerto. Neniu sciis tagon aŭ momenton, kiam eble, ĝuste super lia kapo, diskrakegos la eksplodo de atoma aŭ hidrogena bombo. Super urboj senĉese tondregis motoroj de ĉasaviadiloj. Ĉiuj ŝtatoj seninterrompe havis en aero la duonon de sia aerfloto. Tra la stratoj de urbegoj, sur dezertaj provincaj vojoj, en malgrandaj vilaĝoj kaj forvilaĝetoj — ĉie regis mortteruro. Vespere ĉiu elkisadis la adiaŭon al siaj infanoj, edzino kaj gepatroj, kvazaŭ jam sinprepare por la eŝafodo. Sed la noktoj! La timsufokaj noktoj! Neniu dormis trankvile. En la konstante malfermitajn radio-aparatojn ĉiuj aŭskultis streĉkapte por ne preterevivi la alarmon, signifontan la komencon kaj la finon. La homoj estis panikfrenezaj — eĉ la nura ataksignalo signifus ja nenion alian ol la komencon de la Fino!

Ĉar rifuĝi for de la hidrogen-bombo — kien do?

La sola espero, postrestinta al la homo, estis la Unuiĝintaj Nacioj. Al ili turniĝis la okuloj de la tuta mondo. Kaj fakte, la Unuiĝintaj Nacioj pravigis la aldeponitan konfidon. Ili riskis sin mem en la batalon por la paco, eĉ super siaj eblaĵoj. Temis ja pri la mondsavo! Ĉiuj

apogis ilin, sed la apogo venis jam tro malfrue. Ĝi estis necesa al la Unuiĝintaj Nacioj multe, multe pli frue, minimume antaŭ tri jaroj.

Oni devis la mildan venteton de la racio transpotencigi en la uraganon, unuigantan la tutan mondon en unu organizitan potencon. La potencon, antaŭ kiu depaŝus ĉiuj, kiuj gvidis la homaron en la evidentan pereon. Por transformi tiun ĝeneralan aspiron de la homoj en la movadon, elaktivantan nevenkeblan forton, estis necesaj tempo, penoj, persistaj priargumentoj kaj konvinkado, por ke la homoj ĝustatempe kunsonigu sian voĉon en la provsavon de la mondo kaj si mem. Antaŭ tri jaroj multaj ne opiniis grava la propran partoprenon en la batalo por la paco. Brakpende ili observis la mondokazaĵojn. Nun, kiam necesis rekte alrigardi en la okulojn de neevitebla kaj terurega morto, ĝuste tiauloj forekscitiĝis en la plej grandan histerion kaj lamentadon.

Sed nun tio helpis nek al ili, nek al la aliaj. Estis, sendube, tro malfrue!

La homoj ne plu povis superregi la senbridiĝintajn pasiojn de la politikaj antagonismoj, la elementan fortegon, kiu nerezisteble kaj nebareble, kiel ekruliĝa lavango, kroĉtrenis la timobseditan homaron en la kirlegon de la atoma teruraĵo.

Estis kelkaj, kiuj jam en la lasta momento, elpensis savportan formulon. Se la ŝtatistoj ne povas fidi unu la alian kaj tiel elsavi du miliardojn kaj duonon da homvivoj el la plej naŭza morto, ili sendube, fidos la bazan biologian leĝon — la gepatrecan sindonon al la propraj infanoj.

Estis, do, proponite, ke la ŝtatistoj de ĉiuj respondecaj ŝtatoj, disponantaj pri la hidrogenbombo, interreciproku siajn infanojn en la diplomatan foroficon ĉe la rivala ŝtato. El la formala vidpunkto tio estis tute simpla, ĉar

ĉiuj ŝtatistoj de ĉefŝtategoj estis, senescepte, pliaĝuloj kaj havis plenkreskajn infanojn, kiuj, jame, troviĝis en la diplomata servo.

La senco de konfido kaj ĝenerala sekureco baziĝus tiam sur la cirkonstanco, ke la patroj, decidantaj pri la uzo de hidrogen-bombo, devus ĵetfaligi la bombon ne nur sur la »malamikan popolon«, sed ankaŭ sur la proprajn infanojn, oficantajn ĉe la rivala ŝtato. Elsekvus, ke eĉ ne unu ŝtatisto decidemus pri la faligo de hidrogenbombo sur alian ŝtaton, ne elmetinte samokaze al la danĝero ankaŭ la proprajn infanojn. Ĉi tio, sendube, estus fidinda fakto nepre forklinanta ĉiun respondecan ŝtatiston eĉ de la nura ekpenso, ke oni solvadu la interŝtatajn rilatojn pere de hidrogen-bombo.

Eĉ la ŝtatistoj mem kor-senpeziĝis, kiam oni proponis tiun simplan kaj efikocertan solvon. Ankaŭ ili ja eksopiris foje satdormi trankvile en la infero de la hidrogen-histerio.

Savita jam ŝajnis ĉio, sed elsubitis voĉaverte iaj kvazaŭprofetoj de la »humaneco« kun siaj spitargumentoj. Laŭ ilia opinio — kaj sub tiu sentimentala opinio, fakte, kaŝiĝis krudaj rabinteresoj de mon-dikaj trustoj — ne estus humane, ke oni premtrudu la infanojn de ĉefŝtatistoj en la diplomatajn foroficojn . . .

Kompreneble, neniu ja porparolis, ke la (plenkreskaj) junhomoj estu sendataj trudpreme. En la propono estis malimplicite, ke ankaŭ »la junuloj« donu sian libervolan konsenton.

Tamen en la propono troviĝis unu »sed« — se la infanoj de ŝtatisto ne volus libervole iri por la savo de sia popolo en la foroficon ĉe la alia ŝtato, tiam la popolo, senprokraste, elektu sur la aŭtomate ekvakan postenon de la ŝtatisto alian personon. Elekteblas nur tiu, kiu edukis siajn infanojn almenaŭ tiom sindonaj al la popolo, ke ili tutkore

kaj volonte foriros por ĝia feliĉo kaj sekureco (ankaŭ por la propra sekureco!) al unu, alie tute laŭkutima devo.

Dum oni pribatalis tiun proponon tra senfinaj diskutoj en 666 kunsidoj de speciala komitato — la sort-nekontroleblo laŭegis sian vojon...

Kaj fine, fulmosubite, la timfrenezo superbolis en la kulminon: dum la nokto inter la 27-a kaj 28-a de oktobro 1964.

Tiun nokton, fatalan por la homgento, flugis sendanĝeraj aretoj da sovaĝaj anseroj, kutimante sian aŭtunan vojdirekton. Ĉio estis ordinara, nur kelkaj flugantaroj kunapudetis. Kiam ili proksimiĝis al la limo, en la vidkampon de radaro jam kunamasiĝis pli ol mil birdoj. La deĵoranta observanto de la radarstacio tratujis alarmon al la komandejo: Frapsurprize granda nombro da malrekoneblaj objektoj alflue de la malamika teritorio! Minimume tri mil!

Neesprimebla paniko tra la ĉefstabo. Kion ja fari? Se en la raketoj hidrogen-bomboj — oni ne malfruu eĉ minuton, alie elfatalos la venkobato. Sed nun ne estas tempo por la primedito, ĉar nur minuto-minuteto kaj — jam malfrue!

La sortoplena komando ekhakis:

PAFU!

Nur kelkaj sekundoj kaj jam ekflugis deko da raketoj kun hidrogenbomboj kaj tiel, nerepreneble, sigelfermis la sorton de nia planedo...

Plue ĉio aŭtomatis: apenaŭ unuaj dek raketoj transflugis la limon elmomentis la alarmo ankaŭ en la kontraŭula batal-tendaro. Post kelkaj minutoj, dum ankoraŭ eĉ ne unu hidrogen-bombo falis aŭ eksplodis, jam flugegis kontraŭdirekte kelkmil hidrogen-raketoj. La raketoj en

la aero preterfulmis unuj la aliajn kaj ĉiu, nerevokeble, trafatalis al sia celo...

Sed antaŭ ol la brilbrilo de eksplodoj trainferis la atmosferon, la sorto de la mondo, la sorto de ĉiuj homoj sur nia planedo jam estis decidita por ĉiam.

*Areto da ANSEROJ decidis pri la sorto de la mondo...*

*

En iu milionhoma urbego tradolĉadis sian dormon ĉarmuleto, la solinfano, en la brak-alpremo de la patrino. Miloj de la samaj karuletoj sur nia planedo tiun nokton anĝelumis sian lastan infanan sonĝon...

Tiam subite, kun la okulmurda brilego, super la tuta urbego komencis kreski ia giganta, monstra fungego...

Infera disfrakaso traskuis la Teron kaj ĉielon. En milono de sekundo la homsvarma urbego transardiĝis en gason kaj polvon.

La fungego elfantomadis pli kaj pli super la eksurbegon. Nur la unua bombo el la mil postsekvaj...

Infanoj ne plu sonĝas senkulpajn, ĉastajn sonĝojn.

Homaj koroj ne plu frapetas sur ĉi tiu planedo...

*

La tuta planedo Tero rapide vindiĝis en gigantajn nubvolvaĵojn — ĉu, ke la Universo ne vidu la naŭzegan scenon el la apokalipso: la senhelpan elmortadon de tutaj popoloj en la mallumaĵo de la hidrogena infero.

Sed tra la palpebrumeto, dum la Tero ankoraŭ ne survindis la mallumaĵan mortmantelon, la brilŝprucoj de la unuaj eksplodoj ekportis en la tutan Universon la enigman komunikon — ke sur ĉi tiu planedo okazis io mirakla, io ankoraŭ nevidita en la Universo...

Brilbrilaj radioj forlumadis la enigman komunikon ĉiam pli malproksimen en la mutajn universajn disvastojn. Pasis plenaj kvar jaroj antaŭ ol la radioj ĝisatingis la observatoriojn en la universa sistemo Alfa-Centauri.

*

Al la alvenintoj el la Universo nun klariĝis la vera signifo de la signalfajroj, kiujn iam ili rigardis el siaj observatorioj sur la planedo »Racio«.

Signalfajroj de frenezaĵo estis ili kaj ne la universa voksignalo de raciaj estaĵoj sur la planedo Tero...

Nun kiam pri la jena mondo ĉio finita, la universaj pasaĝeroj ne havis plu ian serĉcelon sur la dezerteca planedo Tero.

Silente, senvorte ili sin preparadis por la funebra reveturo. Jes ja, kion fari en ĉi tiu senviva ruinaĵo?

Ĉu postlasi almenaŭ sciigon? Por kiu do?

— Por la Universo.

En iu urbo de ĉi tiu planedo ili tralegis simplan, mallongan gazetinformon: en la jaro 1958., en la monato aprilo, kvar homoj, la kvakeroj, decidis — por protesti kontraŭ la daŭrigo de hidrogen-bombaj eksperimentoj — vojtrarompi sur sia facildrona ŝipeto rekte en la malpermesitan forzonon, kie la hidrogen-bombo estis eksplodigota.

Ili ekŝipis — por ke la eksplodo ankaŭ ilin foreksterrmu, se la organizantoj de tiu malhomeca faro plue insistos por plenumi sian kriman intencon.

*

Sur la montopinto de kie la panoramo dishorizontis super la glacian mondtombujon, la alvenintoj starigaŝ grandan ŝtonmonumenton kun la epitafo:

»Al la kvar, kiuj amis la homon!«

Dum la viraj ekspedicianoj finpretigas la eternan monumenton al la homa konscienco, virino, ankaŭ la membro de la ekspedicio, kuŝmetas ĉe la soklo de la monumento tri infanajn kadavretojn.

Ŝi elhazardis ilin ĉe la montopiedo, en la korto de mizera, vilaĝa kabano. La kadavretojn ŝi trovtrafis, ankoraŭ ĉiam tiel konvusie kunpremitaj unu al alia, kiel ili estis, kiam ilin alsortis la momento de la lasta terurego.

La alvojaĝintoj prizorgeme ellaboras ĉerketon kaj metas ĝin al la subo de la monumento.

Tiam la ekspedicianoj kunviciĝas mortmute ĉirkaŭ la aranĝitaj tombo kaj monumento.

Ilin alparolas la Astronomo:

— Civitanoj de la Universo! Ni staras nun ĉe la sortabismo de unu mondo. De la mondo, al kiu la Universo alkomplezis la potencon de titanoj — por foje suprenlevi sin eĉ ĝis la regionoj de la senfinaĵo.

Kaj nun antaŭ ni kuŝas enterigitaj ili ĉiuj. Ankaŭ Plato, ankaŭ Beethoven kaj Einstein.

Entombigitaj, do, ĉiuj esperoj kaj revoj pri la feliĉo de sennombraj hommilionoj, kiuj ŝatis vivi kaj ankaŭ deziris vivi.

Solsola brilradio en la mallumaĉa Fino estis la konscienco, la homamemo de tiuj ĉi kvar, kiuj unuaj, *kaj tute,* leviĝis en la konscion pri la sortograveda signifo de la momentoj, tiam travivataj de la mondo. Tiujn kvar priridis multaj el iliaj samtempuloj. Oni prineis ilian dot-riĉon de saĝo, prudento.

Sed la racio aŭ prudento, per si mem, ankoraŭ ne kvalifikas iun — la homo.

Ami la homojn, jen kio signifas — esti la Homo.«

La voĉo de la Astronomo eĥadas tra surdaj intermontoj kaj mutaj kampoj.

Neniu plu estas por ĝin aŭdi.

Tamen, la tombo kun la tri estuletoj, eĉ neelspertintaj, kio estas la vivo.

*

Teruregо min eksufokis — kaj, forfebrante la inkubon, mi penelŝiras min el la sonĝinferaĵo. Mi kriemas — sed la gorĝo kunpremita. Salto el la lito, sed tiam subite, preskaŭ neatendite, trafulmas mian kapon la penso: nu, nur la sonĝo ja! Jes vere, sub mia fenestro promenas homoj pliparte ĝojaj kaj gajaj, sed kelkiu iom enpensema pri siaj ĉiutagaj, ĉimondaj zorgetoj. Nu, kio ja estas ĉiuj ĉi homaj kvereletoj, diseraj problemetoj, kompare al la belo de tiu vivo nia? Nenio!

»Feliĉe, ke nur la sonĝo« — mi ekkonsciis kaj komencas min pretigi por la lernejo. Dum mi ordmetas librojn en la librosaketon, la rigardo faltrafas la hodiaŭan gazeton. Mi eklegas. Glacia ŝvito surverŝas min. Grasaj, nigraj literoj dancsaltas antaŭ la okuloj:

»Post tri jaroj en ĉiuj ŝtatoj estos fininstalitaj katapultoj por la pafelĵeto de transkontinentaj raketoj.«

»Tiom da hidrogen-bomboj estos produktitaj, ke oni povos ekstermi la tutan vivon sur la Tero.«

... Do, la fantomoj ekzistas ne nur en la sonĝo ... Ili estas jen ĉi tie, en la realo. Efektivaj. Konkretaj. Ili barleviĝis antaŭ ni kaj ne cedemas eĉ unu paŝon!

Mi iras en la lernejon kaj meditas: ĉu oni povas malhelpi ĉi tiun frenezulan katastrofon? Se ni tion forcedos nur al la diplomatoj — ne, oni ne sukcesos! Ĉar kion diri, kiam iu politikisto esprimas deziron: kun spronbotoj ensalti en la liton de la kontrauula ĉefministro? Ĉu oni povas konfidi en la manojn de tia homo la sorton de

popolo, la sorton de la tuta mondo? Ne! Li estas, kiel ankaŭ multaj similaj al li, kapabla forkonduki la homaron al la rando de la peratoma milito kaj fine puŝfaligi ĝin en la senfundan abismon.

Sed pro kio? — pro la ŝovinistaj, ververe, egoistaj interesoj. Tiaj homoj abundetas. Kaj, bedaŭrinde, *ĝuste multaj el la tiauloj hodiaŭ prifasonas la sorton por la tuta mondo . . .*

Mi iras kaj ne rimarkas, ke la lernejo postrestis malproksime, malproksime malantaŭ mia dorso. Mi iras kaj senĉese pensas, pensadas:

Kio farenda?

# VIVI NI VOLAS!

Certe vi priremoras eĉ nun la fabelojn, kiujn ne unufoje, sed milfoje rakontis la avinoj. Spinraspajn fabelojn pri drakoj, paradizo, infero kaj mondpereo. Vi estis ankoraŭ malgrandaj infanoj, knaboj kaj knabinoj, kies sola priokupo konsistis el ludado. Vi avidegis la fabelojn, tamen neniam vi ekpensis:

»La mondo povas, vere, perei.«

Vi kreskis, aĝiĝis kaj fojfoje en via kapo eknestis korrompaj demandoj:

»Nin varmigas la Suno; la giganta arda globo, la forno, kiu per sia fajro prihejtas kaj prilumas nian planedon, ebligante tiel sur ĝi la vivon. Ĉu ĝi ĉiam nin varmigos — vi demandis vin. Ĉu foje la brila, arda globo ne iĝos malluma kaj malvarma? Ĉu foje la Teron ne surkovros nova, eterna glaciepoko; ĉu foje la homoj ne mortados pro malvarmo kaj malsato?«

Ĉe tiaj pensoj rampete entrudiĝis la timo. Tiu ĉi timo kreskis, kiam vi aŭskultis pri la vagvojaj steloj tra la Universo kaj kiam kelkiun el ili vi vidis alte, super via kapo, ekfajrere traarki la ĉielon. Vi timis kunkolizion de la Tero kaj tiu stelo, vi timis ankaŭ ŝtonojn, falantajn de la ĉielo kaj tiun vian timon vi bazis sur ŝanceliĝan fundamenton — sur la »Diablan valon« en Arizono, sur la krateron, kreitan per la falo de giganta meteoro aŭ sur la falrenversitajn arbojn de la netransrigardebla siberia tundro, dezertigita de giganta meteoro.

Vi timis la Sunon, kometojn kaj meteorojn, vi timis la naturon kaj Universon. Vi timis ilin, ĉar vi volis vivi.

Antaŭ proksimume miliono da jaroj la Universo elnaskis la homon. La homo de tiam vivas kaj kreas. Antaŭ lia spirito konstante eklumiĝas novaj perspektivoj kaj novaj vojoj. Sur la vojoj miraklopaŝe li rapidas antaŭen. La scipovo lin gvidas kaj la scienco elmontras al li la vojon.

Hodiaŭ la homo scias, ke la Suno ne tiel baldaŭ malvarmiĝos. Hodiaŭ la homo scias, ke pli granda danĝero minacas, ke la Suno ekfajregu kaj trahejtu la Teron en la ardan brilglobon. Sed la homo scias ankaŭ tion, ke ĝi okazos nek morgaŭ, nek postmorgaŭ, nek en la proksima posttempo. La homo hodiaŭ vivas sen la timo pro la vagvojaj steloj, kometoj, sen la timo pro ilia malkohera vostaĵo, sen la timo pri iu universa kolizio. Ne, de tie, el la Universo, ne minacas nin la danĝero. Eĉ ne unu universa potenco ĝis nun ekimpertinentis por forekstermi la homon. La Universo kreis la homon, sed ne baldaŭ ĝi lin ekstermos. Plejverŝajne ĝi neniam lin ekstermos.

La homon povas ekstermi nur la homo. La homo, la granda homo, estas nun kapabla forekstermi sin mem.

*

Jaris la 1945-a. La tago, kiu ĵus ekmatenis similis iun ajn antaŭan. La Suno jam elleviĝis super la ruĝan horizonton; homoj malrapide, ankoraŭ iel dormeme, paŝis tra la urbstratoj en la bela somermateno. Tratranĉa ekbojo de la sireno obtuzeĥe refrapiĝis de la grizaj domomuroj kaj aviadiloj, la grandaj flugkasteloj, ŝvebglitis alte tra la ĉiellazuron, alte super la kapoj de la homoj, kiuj, jam tute apatiaj pri la aperaĵo, pluadis en sia laboro, ne alturninte eĉ la kapon.

La aviadiloj jam traflugis, grandaj, fantomecaj, mortminacaj.

En la larĝe malfermita fenestro knabeto surverŝis grandan ruĝan rozarbeton. Delikate li karesis per la molaj infanaj manplatoj la petalojn plene disflorajn kaj sango-ruĝajn.

»Bela vi estas, ho rozinjo, kaj tiel ruĝa, ruĝa ja kiel plej bela juvelo, brilfajrera kiel perlo sur la fundo de lazura oceano« — flustre la knabo pridorlotadis la floron. — »Floru nur plue rozeto, kaj neniam, neniam vi mortu; vi estas ja tiel bela kaj mi vin tiel amas, ho rozinjo mia.«

Eksubite — rultondrego. Surdiga eksplodo super la urbo. Giganta, fantomeca fungo surombris la Sunon kaj ĝiaj delikataj, lumriĉaj radioj jam forsorbiĝis en la kirlegon el nuboj, polvo kaj sango.

Tra la stratoj de la urbo, apenaŭ distingeblaj en la giganta nubo el la sufoka fumaĵo, disblovitaj homkorpoj. Cindrogrizaj. Kun senesprimaj vizaĝoj, senpovaj eĉ por dolorveo.

La lipoj de la transvivintoj senforte flustretas: »akvon!«

Kaj akvo apudas. Apudas ja granda, ekribele disondanta maro. Necesas nur alsalti en la akvon kaj naĝi, for-pli kaj for-pli de la bordo, pli-pli malproksimen de la peza, ardaĵa aero, plu-plu foren de la terurfrapa, disfajrega tombujo.

Foren . . . foregen . . .

Sed la »foren« ne ekzistas. La martorento estas forta, la brakoj — malfortaj.

Tra la ŝtona disamaso, nur ĵusete la domo, elrampetis delikataj petaloj de la ruĝa rozo. La rozo ne plu bela. La rozo, ne plu simila al perloj aŭ juveloj. La rozo nun elruĝanta varman, densan homsangon.

Jen la stratoj de la urbo, jen la vizaĝoj de la murditoj kaj vunditoj, jen la iam feliĉa urbo, nomata Hiroŝima. La urbo, unua elsentinta sur si la inferon de atom-milito.

Ni vivas en alia urbo, malproksimege de Hirošima, elsuferinta trabrogan alspiron de la freneziga atom-monstraĵo. Ni vivas en nia urbo feliĉaj, sed tamen, fojfoje, ni tremtime alrigardas la orientan ĉielon kaj ĝojaj kapreturnas rimarkinte — nenion. Sur nia orienta ĉielo ankoraŭ ne elĝermis gigantaj sangruĝaj fungoj, surkovrantaj la Sunon. Tiu ĉi urbo estas geografie malproksima de Hiroŝima, sed al la koroj de la kvardeko el ĝiaj loĝantoj, Hiroŝima estas tre, tre proksima . . . Ne sole de la kvardeko — al cent, mil koroj, ne sole al la koroj de niaj kunurbanoj, ĝi proksimas ankaŭ al la koro de ĉiu homo, de ĉiuj urboj, enprofunde ja — al la koroj de la tuta mondo.

*

Ni junas kaj vivas. Vivas feliĉaj, ĉar la vivo mem estas feliĉo.

Ĉiu el ni jam ekkonis kaj ekamis la naturon. Almenaŭ unufoje admiris la Sunon. Almenaŭ unufoje kun rideto sur la lipoj alrigardis la senzorgan ludon de infanoj: la etajn manojn elfervorantajn sablokastelojn; perlajn larmetojn elpluvantajn, kiam la kastelon displandis peza boto; kiam oni ĝenis ilian ludpetolon; kiam oni disnebuligis iliajn miraklajn infanrevojn.

Ĉiu el ni observis Lunon, stelojn, nubojn kaj ĉielon — ĉiu el ni revis multe; ĉiu el ni, junuloj kaj junulinoj, ekkonis belaĵojn kaj ĝojojn de la vivo. Ankaŭ ni konstruadis kastelojn en la aero kaj afliktiĝis, se la kasteloj estis detruitaj, se estis forrabitaj de ni la revoj, kiajn prirevi povas nur la junularo.

Jes jâ, ni scias, kio estas la vivo. Ni scias, kio estas la amo, malamo, malico, frenezo...

Ni vivas. Ni vivas por havi niajn revojn, nian infanaĝon, junulecon kaj maljunecon; ni vivas por esti infanoj, gepatroj kaj geavoj; ni vivas, ke nia vivo ne estu difektita, ni vivas por eldefendi niajn revojn kontraŭ forrabo, kontraŭ la peza kaj kruela boto. La boto, kiu ne havas la menson, nek la koron, la boto, kiu ne estas la homo.

Ni amas niajn revojn; ankaŭ nian vivon ni amas. Ni amas ilin: la revojn kaj la vivon. Tamen ni ne estas miopaj. Male — ni rigardas multe pli forplue. Multe pli forplue ol futbalaj konkuroj, multe pli forplue ol taŭrobataloj, pli forplue ol boksa interpugnado. Ni rigardas, eble, pli malproksimen ol la propra morto, ni rigardas rekte ĝis la revoj de aliaj junecoj kaj ĝis la pacema trankvilo de multaĝuloj.

Hoj vi! Vi, junularo el aliaj landoj, vi, kiuj jam ekkonjektis, vi kiuj jam bone elkomprenis, kio estas la hidrogenbombo, ne meditu nun kiel ĝi pretiĝas, ne meditu kiel en ĝi disliberiĝas energio. Prefere rememoru pri la ŝtona disareto, rondiranta inter Marso kaj Jupitero. Rememoru, ke tie iam estis planedo, sur kiu povis ekzisti la vivkondiĉoj similaj al tiuj sur la Tero. Rememoru, ke tie, eble, vivis ankaŭ homoj, ke, eble, ankaŭ tie ekzistis junularo, super kiu dissterniĝis nigraj, larĝaj flugiloj de la terura hidrogena flamdrako. Eĉ pli trafe — rememoru pri Hiroŝima, rememoru pri la morto de cent mil homoj, rememoru pri la multaj kripluloj, kiuj tra sia karno elsentis akrajn ungegojn de la senmensa hidrogena monstraĵo; rememoru pri ĉio ĉi kaj diru senĝene, voĉtondre, al ĉiu:

»Ne, ni ne volas esti kripluloj! Ni ne volas esti viktimoj de la frenezaĵa kaj malhumana milito per la hidrogenbomboj.

Ni ne volas la militon!«

Ni ne estas la unuaj batalantoj kontraŭ la milito. Jam longe antaŭ ni Albert Einstein, Bertrand Russel, Frédéric Jolliot-Curie kaj aliaj publikaj aktivuloj, eldiris la grandan penson:

»Jen, do, la problemo, kiun ni metas antaŭ vin, la problemo giganta, terurskua kaj neevitebla: ĉu oni forekstermu la homan genton aŭ la homaro rezignu pri la milito? La homoj ne volas alfronti tiun ĉi alternativon, ĉar al ili estas tiel malfacile aboli la militon...

Kaj tamen antaŭ ni kuŝas, se ni nur alelektos, la konstanta progreso en feliĉo, kon-konkero kaj saĝo.

Ĉu anstataŭ tion ni elektu la morton, ĉar ni ne povas forgesi niajn kverelojn?

Kiel homaj estaĵoj ni turnas nin al vi, homaj estaĵoj: pensu pri via homeco kaj forgesu ĉion alian. Se vi povas fari tion, antaŭ vi estos malfermita la vojo en novan paradizon, sed se vi ne povas — antaŭ vi kuŝas la danĝero de ĝenerala formorto.«

Atente tralegu la suprajn liniojn.

*La konscienco de la mondo alvokas nin!*

Kuraĝe ni surpaŝu la plandpremojn de tiuj homoj, la plandpremojn de la homoj, amantaj la homon.

Junularo! Diru, do, libere, jes ja, diru tion, kion vi pensas kaj kion ni pensas, kion vi sentas, kaj kion ni sentas:

»Ni volas pluplue rigardi la Sunon kaj Lunon, kaj la ĉielon, ni volas pluplue rigardi la petolan ludon de infanoj, ni volas pluplue prirevi niajn viziojn kaj rigardi, kiel floras nia Tero, kiel ĝi vivas, riĉkreskas kaj kantas.

Do, ne mortigu nin! *Vivi ni volas!*«

Hoj vi! Junularo el ĉiuj landoj! Ne estu malfidema! Ni havas la fidon al vi, ĉar vi pensas la samon, kiun ni pensas.

Sed la nura penso ne sufiĉas. Kiel ajn ĝi estas universala, unuanima, enmiliona, tamen, eĉ proksimume, ĝi ne estas tiom giganta potenco, kiom ĝi povus kaj devus esti. Ĝi ankoraŭ ripozas iom kaŝmodeste en niaj animoj. En la animo de ĉiu el ni, en la animoj de hommilionoj, samaj kiel ni. Tiu ĉi penso ankoraŭ ne fariĝis ĉies ekago. Ni manifestu ĝin, ni manifestu ĝin kunkune, kamaradoj, amikoj kaj samideanoj! Ni manifestu tiun universalan, homan pensegon, por ke ĝi fariĝu unueca kaj tutanima ekago de hommilionoj kaj ondtrarompe inundu nian etan planedon. Kredu, ho amikoj, la penso elkonkretiĝos en potencon, dinamikan kaj nedetrueblan, ĝi elinsistos la fidon inter la homojn, inter la hommilionojn, konsciajn pri tio, kion ili volcelas kaj pretajn por defendi sian konvinkon kuraĝe — per la agoj!

Sciu bone, ho amikoj, tio estas la sole ebla kaj homeca elvojo for de la frenezula kaj mallumaĉa universa dramo, en kiu oni pridecidas *la sorton de la homaro, kiel tuto,* kaj la problemon pri la vivo kaj morto de ĉiu el ni!

Kelkaj el la pliaĝuloj ne meditis ĝis nun pri tio. Ili ne vidis super si la dislarĝajn flugilojn de la nigra, minacgraveda hidrogena monstraĵo. En la maro el siaj rutinaj zorgetoj ili ne rimarkis la senŝancan faton de la homo.

Nia devo do: ĝin montri al ili!

Hoj vi, pliaĝaj! Malfermu kune kun ni la okulojn dislarĝe; ne atendu, ke areto da anseroj decidu pri viaj kaj niaj vivoj, ne atendu, ke la stultaj anseroj decidu pri la sorto de la tuta mondo!

Ni, la junularo, ni batalos, ni ekrezistos kontraŭ la plej vulgaraĉa homa stultaĵo, kiu jam elparoksismis ĝis la ekstrema limo de frenezo, *ĝis la idiota universa sinmortigo!* Ni komencis la batalon jam per ĉi tiuj vortoj, ĉar ni konscias, kion signifas la amo, kion signifas la vivo.

Ni ne ekhezitos. Tute ne. Antaŭ neniu. Kontraŭe, ni batalos kun ĉiam pli intensa ardo kaj ĉiam pli persiste. Ni skribos protest-leterojn al ĉiu kaj ĉiuj; al la ŝtatestroj, al la parlamentoj, al la Unuiĝintaj Nacioj. Ni parolos al la tuta mondo: pere de la radio, pere de la gazetaro, libroj ... Ni faros eĉ pli, ni iniciatos tra la tuta mondo la fondiĝon de junularaj organizoj por la monda pacbatalo. Por la batalo kontraŭ la hidrogen-milito.

Tio estas nia rajto, tio estas nia devo. Al ni tion ordonas la konscienco.

Ho, junularo de la mondo, ne estu malfidema; ni havas la fidon al vi!

Frate ni elplektu la brakĉenon — tra la tuta planedo ektondru nia potenca kaj unuanima vokkrio:

»NI HAVAS LA RAJTON VIVI! VIVI NI VOLAS!«

Ho, patroj kaj patrinoj! Vi, ĉiuj prudentaj kaj konsciencaj homoj sur la Tero!

Sonorigu dislaŭtege! Sonorigu alarme! Nunege, tujtuje sonorigu, dum ankoraŭ estas la tempo. Sonorigu ja, jam morgaŭ por sonorigi la funebron al vi mem, al viaj senkulpaj infanoj, al ĉiuj viaj gekaruloj, vi ne plu pritempos.

Ĉar, dum en la militaj arsenaloj ekzistas provizoj de hidrogen-bomboj — neniu en ĉi tiu mondo scias, ĉu morgaŭ por li denove ekruĝos la mateno ...

*

Ni junas kaj vivas. Vivas feliĉaj, ĉar la vivo mem estas feliĉo. Ni scias, kio estas amo, malamo, malico, frenezo ... Jes ja, ni scias, kio estas la vivo.

Ni estas konsciaj, ke la plej granda valoraĵo en la Universo estas — la homo mem.

Lotkubon pri la sorto de tiu homo la elementa senbridiĝo jam ĵetis.

Nur la racio kaj homeco ja nun povas diri sian vorton...

*

Hidrogena monstraĵo! Ni vin ne timas, ĉar niaj konscio kaj konscienco jam supervenkis ĉian timon. Ni montros al vi, ke nia volpovo, la volpovo de ĉiuj homoj — plifortas ol vi!

Ni batalas por nia feliĉo kaj niaj revoj ne estos forrabitaj!

Ho infaneto! Ludu do, konstruu ankaŭ plue viajn kastelojn kaj ne timu pri ili!

Ni defendas viajn kastelojn kontraŭ la peza, kruela boto, kontraŭ la boto ne havanta la menson, la boto ne havanta la koron; ni defendas viajn kastelojn kontraŭ la boto, kiu ne estas la homo.

Kaj nun diru, diru vi ĉiuj, ho bonaj kaj prudentaj homoj de la mondo, nu diru, ĉu ni postulas la troon, kiam ni deklaras:

VIVI NI VOLAS!

# POSTPAROLO*

Nia mondo transcedis al la nova generacio kiel heredaĵon la morton. Ne sole la personan morton, sed la ĝeneralan kaj eternigeblan en la finon mem de la homa historio. Mallumaĵas la perspektivoj antaŭ ni, dume ĉe la rando de atom-vulkanoj jam epidemias apatio, timego kaj ekblinda vivfervora inerteco. Sed super personecaj furiozemoj kaj malesperoj, naciaj kaj religiaj standardoj, elturas tamen la universala racio kiel la lasta rifuĝejo, kiel la sav-voko el la monddiluvo. Brilblindiga elleviĝo de la scienco alimperativas antaŭ la Unuiĝintajn Naciojn la pacifistan utopion; ĉar, alie, en la politika hazardludejo estos, iumomente, forperdita la tuta estontaĵo de la homaro.

Ankaŭ ĉi tiu junul-taĉmento el la Observatoria turo, ekspitis per akuzo kontraŭ la malnova mondo. Jes ja, ĉiuj ni estas kulpaj pro la memmortiga vetkuro en la atomkernan inferon. Ankaŭ ili, la nunjunuloj, estos tiaj, kiam ili elkreskos. La kulpo radikas en nia senpoveco tujtuje kaj radikale ŝanĝi la situacion; kaj konstante elektante inter la plia kaj malplia malbono ni, fine, glitfalis sur la fundon mem. Kiam alhorizontas la elvizito de homo en la Universon, kiam niaj raketoj jam rondiras ĉirkaŭ la Suno, eble baldaŭ, tutgloba eksplodo elefikos arte-mortintan planedon.

Tiu terurskua ekkono pezfalas sur la junan generacion ĉe la sojlo de vivo, kaj sub ĝia premŝarĝo unuj forrifuĝas en la *rock-and-roll*-an priforgeson, dume la aliaj surprenas la krucon de la epoko. La ĉielo ne alsendos la Mesion, nin elaĉetontan per la sinofero. Ni mem devas

* Nia konata atomisto, universitata profesoro d-ro Ivan Supek, afable plenumis la deziron de la junaj aŭtoroj por verki la postparolon al la libro.

batali por nia elsav[illegible] [illegible]ni, por la elsavo de la nenaskitaj jarmiloj. S[illegible] [illegible] batalo devas ne revivigi la fanatikan mal[illegible], kiu surkovris la vojon al la Idealo per brulegoj [illegible] tombaroj. Ĉia predikado pri la potenc-uzo elminacas sur tiuj atom-vulkanoj la ludon per brulalumeto. La armilaro de la lasta legio por la elsavo nuras el la racio kaj konscienco.

La scienco, transforminte la batal-tendaron en atomkernan-elektronikan eŝafodon, disblovis ambaŭflanke de la ferkurteno similan evoluon kiel la plej fortan garantion por la definitiva akordiĝo. Spite al politikaj ideologioj la universalema spirito de scienco elrezistis maldekstre kaj dekstre de la ruĝa limŝtono, dume teknikaj aplikoj kaj organizaj formoj iom post iom fordetruadis la bazojn de la malnova individuista socio. Se la esto de egoismema propraĵulo en iu formalproksima kolonio de la Universo ŝajnas al ni absurda, ĉu ni ne elevoluis samkriterie ankaŭ por ĉi tiu krustsanga Tero? La scienco tiome plialtigis la produkteblon de laboro kaj enportis tiom da novaj organizaj formoj, ke ĉiuj manieroj de ekspluatado estas arkaika postrestaĵo. Per la kompleta malarmiĝo disvolviĝus gigantaj potencoj, kiuj tre baldaŭ rezultigus ĝeneralan prosperon en la unuiĝinta homaro.

Nenio tiom forliberigas junan spiriton el la limkatenoj kiel la alrigardo en la senfinan Universon. Por tiu eterneco Giordano Bruno foroferis sin en la flamon. Nemirige do, ke ĉi tiu junula apelacio venas el la malnova Zagreba observatorio. Krozvagante per la teleskopo tra la nokta firmamento, la grupo el mezlernantoj malkovris apud si ankaŭ la morton. Tio, kio eksplikiĝis al ili kiel la movforto de stelara evoluo kaj la fonto de Sunĝojo, embuskas nun el la milit-arsenaloj kiel venena uragano. Terurita de tiu ĉi vizio pri la mondo, la astronoma grupeto el la Observatoria turo aliĝas al la ĝenerala ekribelo kontraŭ la paroksismon de detruemo, kaj tiu ĉi libreto estas ankaŭ la packolombo, sendita en la mondon al la cetera junularo — por la elsavo de homa estontaĵo.

*Ivan Supek*

# PRI LA JUNAJ VERKINTOJ



Ĉe la »verdstela« Astronomia observatorio en Zagreb laboras, krom la aliaj, ankaŭ la grupo de kvardek junaj astronomoj-amatoroj. Ili estas la plej fervoraj helpantoj al siaj pli aĝaj kolegoj astronomoj en la sciencpopularigaj klopodoj de la ĝisnuna »Popola (kaj nun — verdstela!) Observatorio Zagreb«.

Krom la popularigo de astronomia scienco la junaj astronomoj okupas sin ankaŭ pri kvalita astronom-amatora esplorado de la Universo: ili diligente observas ĉiujn objektojn de la ĉiela firmamento — la Lunon, planedojn, kometojn, artefaritajn Terajn satelitojn, stelojn, galaksiojn ktp., ktp.

La lasta totala eklipso de la Suno, okazinta la 15-an de februaro 1961-an, montris plene la solidan fakecon de la junaj astronomoj amatoroj. Iliaj specialaj fotoj de la Suna korono kvalite superas eĉ la atingojn de multaj oficialaj fak-observatorioj!

Kian ĝeneralan konon de la astronomia scienco posedas la junaj astronomoj-esperantistoj oni povas plej konvinke prijuĝi el ĉi-okazintaĵo: antaŭ du jaroj la beograda kaj zagreba radiostacioj aranĝis (tiam ankoraŭ ĉe ni popularan) radioludon »Duobligu aŭ forlasu«. Al ĉi-ludo anoncis sin ankaŭ kvar el niaj bravaj junuloj (la aŭtoroj de la »TRAGEDIO EN LA UNIVERSO«) havantaj tiam nur 15 jarojn.

Kaj okazis nekredebla surprizego ĉe la radio-dissendo: dum plenaĝaj konkurantoj vicvice »faladis«, niaj kvar knaboj spitis ĝis la lasta demando kaj — gajnis egan monsumon! Oni ne sciis ĉu pli granda estis la surprizo de la ĉeestanta publiko en la salonego (kaj eĉ pli multnombra aŭskultantaro pere de etero), aŭ senespera situacio de la radiostaciaj organizantoj kiuj eĉ ne preparis sufiĉe da mono (ĉar la sumo estis ja supera al ĉiuj kalkuleblaj antaŭvidoj!) — kaj ne povis, je sia antaŭpublika malgloro, elpagi tuje niajn bravulojn, sed devis al ili doni la — ĉekon!

Per siaj multnombraj sukcesoj la aŭtoroj de la »TRAGEDIO EN LA UNIVERSO« akiris nekredeblan popularecon en la propra lando. Ili estas nun, nepridubinde, *la plej popularaj astronomoj en nia lando!*

Akirinte tian reputacion, la junaj astronomoj-verkintoj, post sia nelonga esperantistiĝo — kapablis fari ja efikan propagandon por Esperanto en nia lando. En multegaj lernejoj *la instruistoj legas al la lernantoj kiel modelan literaturaĵon la »TRAGEDION EN LA UNIVERSO«* kaj prezentas ekzemplo la laboron kaj verkon de niaj junaj astronomoj-verdstelanoj. Kompreneble, ĉe ĉiuj el ĉi-laŭdoj ne mankas ankaŭ la mencio ke la junaj astronomoj-verkintoj senescepte estas ankaŭ — *esperantistoj!*

Aparte estas originala la ideo de junaj astronomoj kunporti astronomian telespokon al la ĉemara esperantista somerumejo »Esperantujo« en Primošten. Ili tie ebligos al la ĉiulandaj esperantistoj-somerumantoj ne nur la raran plezuron teleskope observi ĉielajn mirindaĵojn en la kristala mediteranea firmamento, sed ili faros ankaŭ esperantlingvan kurson pri praktika astronomio. Al tiu kurso anoncis sin jam pluraj el la multo da eksterlandaj verdstelanoj-somerumontoj.

Ili ĉiuj venos al la esperantista somerumejo ĉe la lazura Adriatiko por ĝui — kune kun la popularaj junaj astronomoj-verkintoj kaj multnombra jugoslavia esperantistaro — la veran verdstelanan libertempejon, »ESPERANTUJON«, *iniciatitan de la junaj astronomoj-esperantistoj.*

ENHAVO

Junaj astronomoj-esperantistoj de la zagreba »verdstela« Observatorio:

— verkis sensacian libron »TRAGEDIO EN LA UNIVERSO«

— verkis la originalan filmscenaron laŭ la 2-a ĉapitro de la libro »TRAGEDIO EN LA UNIVERSO«. En la filmo estus grandparte uzata la lingvo ESPERANTO. Ĝin parolus la raciaj estaĵoj (simboloj de la homa penso!) alvenantaj el la Kosmo por savi la homaron agoniantan en la infero de la tutpereiga hidrogena milito

— faras ĉe la Observatorio regulajn prelegojn en ESPERANTO

— sugestis enkosme eternigi la nomojn »ZAMENHOF« kaj »ESPERANTO«

— ekfunkciigas propran radiostacion parolontan kaj propagandontan ESPERANTON

— fondas la veran »ESPERANTUJON« ĉe marbordo de la lazura Adriatika maro.

La somerumejo »ESPERANTUJO« estis enkomence planata nur por la astronomiema »verdstela« taĉmento. Sed la ideo plivastiĝis: *la entusiasmigitaj astronomoj-esperantistoj estos senlime feliĉaj renkonti en la somera kampadejo ankaŭ la alilandajn verdstelanojn kaj iliajn amikojn.* Sian alvenon en la »ESPERANTUJON« jam anoncis multaj opuloj kaj grupoj — el Aŭstrujo, Germanujo, Anglujo, Francujo, Italujo, Belgujo, Nederlando, Finnlando, Svedujo kaj aliaj.

Ĉe la lazura mediteranea maro ĉiuj verdstelanoj ĝuos la veran kaj intiman »ESPERANTUJON« laŭ la plejeble moderaj prezoj.

Sukceso de la »ESPERANTUJO« senlime helpos al la junaj astronomoj-esperantistoj efektivigi larĝan poresperantan propagandon en la propra lando. Ĝi certe estos ankaŭ valora akiro por la tutmonda Esperanto-movado.

*Dependas nun de vi, karaj verdstelanoj tutmondaj, la plena sukceso de la promesdona iniciato de la junaj astronomoj-esperantistoj!*

*

Por ĉiuj informoj oni povas sin turni al: Kroatia Esperanto-Ligo, Zagreb, Amruševa 5, Jugoslavio.

